# REGo

## ☆ RUSIA ESPERANTO-GAZETO ☆

*movada revuo en kunlaboro kun REU* **№ 1 (74) februaro 2013**




**en la numero**



**Moskvo, 2013**

# enhavo





*De la 21-a ĝis la 24-a de februaro pasis APERO-7 – tradicia renkontiĝo de Moskva Esperanto-Asocio “MASI”, en kiu partoprenis 44 personoj el 4 landoj.*


# REGo
## (Rusia Esperanto-Gazeto)

**№ 1 (74) februaro 2013**

*aperadas ekde 2000*

***redaktas*** **Georgij Kokolija**
***kunredaktas*** **Viktor Aroloviĉ**
***kunlaboras*** **Maksim Griŝin**

*materialoj de REGo povas esti represataj, kondiĉe ke la tekstoj restos senŝanĝaj kaj estos indikita la fonto*

*poŝta adreso:* Pjatnickoje ŝosse 45 – 105
125310 Moskvo, Rusio
*retadreso:* gazeto@mail.ru

***abontarifoj por 2013:***

*por loĝantoj de Rusio kaj aliaj landoj de KSŜ – 500 rubloj, sendendaj al:*
Коколия Георгий Владимирович
Пятницкое шоссе 45 – 105
125310 Москва

*aŭ pagendaj al:* 410011382499386
en la pagsistemo “Яндекс.Деньги”

*por loĝantoj de aliaj landoj – 25 eŭroj pagendaj al la konto* **kklg-r** *ĉe UEA*

***elektronika abono*** *– 200 rub. (5 eŭroj)*

## BONVENON AL "EsPrimo-9"

Karaj geamikoj! Ni invitas vin partopreni la tradician regionan Ural-Siberian renkontiĝon "EsPrimo-9", kiu ĉi-jare okazos en Tjumenj la 2-an – 4-an de majo.

La ĉefa temo de la renkontiĝo estos "Esperanto en la vivo", kaj lige al tiu ĉi temo ni planas riĉan programon, kiu interesos kaj komencantojn, kaj spertulojn.

En la programo estas planataj: diskutrondo pri la ĉefa temo kaj prelegoj de spertaj esperantistoj, lingvaj kaj sportaj ludoj, artaj kaj koncertaj vesperoj, speciala programero-konkurso por komencantoj, dancoj, kantoj, ekskurso tra Tjumenj kaj ankaŭ interesega programero, kiu nomiĝas "Peĉakuĉo". Tio estas prezentadmetodo, en kiu la prezentanto rajtas montri nur 20 bildojn kaj paroli nur dum 20 sekundoj pri ĉiu bildo (do 6 minutojn 40 sekundojn entute). La formo estas tre taŭga por rapida diskonigo de novaj ideoj kaj projektoj, interalie artaj kaj modaj – sed ankaŭ sciencaj. Alivorte, eblas rakonti pri io ajn. Ni invitas ĉiujn partopreni peĉakuĉon kaj veni al EsPrimo kun sia prezentaĵo. Rakontu al ĉiuj pri via ŝatokupo, laboro, vojaĝo, – ne forgesante la ĉefan temon "Esperanto en la vivo"!




Ni planas ankaŭ okazigi dum la renkontiĝo fotoekspozicion laŭ la ĉefa temo. Partopreni ekspozicion povas ĉiu deziranto; eĉ se vi ne sukcesos veni al la renkontiĝo, vi povas sendi viajn fotojn al iu el la organizantoj. Kaj tiuj fotoj nepre aperos en nia ekspozicio.

**Tempo**: alveno de partoprenantoj – la 2-an de majo ĝis 12-00. Poste – komuna veturado al la bazejo (memstara atingado ege malfacilas, se vi venos ne per propra aŭto) kaj komenco de la aranĝo. La 3-an de majo – plena tago en la bazejo. La 4-an de majo – dematene veturo al Tjumenj, duontaga ekskurso tra la urbo, ebla forveturo – posttagmeze.

**Loko kaj kondiĉoj**: la porinfana bazejo "Raduga" ("Ĉielarko") apud Tjumenj, kiu situas en pina arbaro sur bordo de rivero, tamen ne malproksime de la urbo. Oni proponas al ni loĝadon en komforta duetaĝa domo, en tri-, kvar-, kvinlitaj ĉambroj kun duŝejo en etaĝo. En aparta konstruaĵo situas manĝejo kaj halo.

**Kotizoj kaj prezoj**: loĝado por unu diurno kun 3-foja manĝado – 1100 rubloj. Manĝado parte aŭ aparte de loĝado ne mendeblas. Memzorga manĝado ne eblas, ĉar apud la bazejo mankas vendejoj kaj en la bazejo forestas kondiĉoj por kuiri.

**Aliĝkotizoj**: 1-a aliĝperiodo (ĝis 15.03) – 400 rubloj, 2-a aliĝperiodo (ĝis 15.04) – 500 rubloj, surloke – 600 rubloj. Rabato por pensiuloj kaj studentoj – 100 rubloj. Infanoj ĝis 14-jaraj – senpage.

Plian informon kaj aliĝilon vi povas trovi en nia paĝaro: <http://ural-sib.org/eo/esprimo-9>.



Kun plezuro kaj danko ni akceptos viajn proponojn pri la programo de EsPrimo-9.

Kontaktu nin – Marina Stepaĉova (programo): +7-912-997-34-18, <mstepacheva@mail.ru>; Pavel Veselov (teknika parto): +7-922-480-11-51, <esprimo@ural-sib.org>; Tatjana Veselova (financoj): <finansoj@ural-sib.org>.

Ni atendas vin!

***La organizantoj***

## BONA FINO DE LA JUBILEA JARO EN URALO

Pri Esperanto-vivo en Jekaterinburg kaj entute en Uralo ni penas informi sur paĝoj de REGo pli-mapli regule. Ankaŭ ĉi-foje estas io rakontinda.

Oktobre-novembre en kelkaj uralaj urboj okazis prelegoj aŭ prezentadoj pri Esperanto. Estis 2 prelegoj de Vladimir Opletajev en Surgut: la 16-an de oktobro – pri "Esperanto kaj planlingvoj" en la urba gimnazio, kaj la 15-an de novembro – en Surguta pedagogia universitato por studentoj de la filologia fakultato li prelegis pri "La lingva toleremo kaj Esperanto kiel efika demokratia ilo de lingva komunikado" kaj kune kun siaj E-lernantoj prezentis interparolojn en Esperanto.

Novembre ankaŭ en Tjumenj la E-klubo "Revo" okazigis rakonton pri Esperanto por la interesitoj.

La 21-an de oktobro en Jekaterinburg membroj de la E-klubo "Arĝenta flamo" faris prezentadon por la vasta publiko en la urba biblioteko "Belinskij", dum kiu ili informis pri Esperanto kiel la plej sukcesa el ĉiuj planlingvoj por internacia komunikado kaj ankaŭ rakontis pri la vastaj ebloj de ĝia aplikado. Kelkaj klubanoj konigis al la ĉeestintoj siajn neforgeseblajn impresojn pri la partopreno en diversaj internaciaj E-aranĝoj: IJK-68 en Vjetnamio, "Festo" en Francio, SES en Slovakio, montris surekrane la fotojn kaj speciale faritan por la prezentado filmeton.



Enkadre de tiu ĉi

aranĝo okazis ankaŭ prezentado de freŝeldonita en la rusa lingvo por la vasta publiko libreto "Malfermu por si la allogan lingvon Esperanto", kaj ĉiu el la ĉeestintoj ricevis ĝian ekzempleron.



Ĉiuj ĉi prelegoj kaj prezentadoj, informcele aranĝitaj, helpis varbi la lernantojn por la nova instrusezono kaj okazigi Esperanto-kursojn por komencantoj.

La baza kurso en Surgut startis ĉe la centra urba biblioteko "A.S.Puŝkin" komence de oktobro 2012 kaj ankoraŭ daŭras. Lecionoj okazas ĉiudimanĉe en la salono de la fremdlingva literaturo, en tre komfortaj kondiĉoj kaj bona etoso.

Ankaŭ en Tjumenj dume ne finiĝis E-kurso por komencantoj, kiu komenciĝis la 17-an de novembro.

En la urala ĉefurbo sukcese realiĝis baza E-kurso, kiu daŭris de la 26-a de oktobro ĝis mezo de decembro. De la unua ĝis la lasta leciono ĝin, senperde, frekventis ĉiuj 10 kursanoj, kiuj komencis lerni la lingvon. La lecionoj okazis en la urba Domo de Paco kaj Amikeco. Kiel ĉiam E-kurson lerte gvidis Aleksandr Osincev, kaj membroj de E-klubo "Arĝenta flamo" helpis al li okazigi la praktikan parton de la kurso. Niaj novuloj, finintaj la kurson antaŭ la Zamenhof-tago, povis aktive partopreni la unuan por ili E-aranĝon dum la Zamenhof-festo.

La 15-an de decembro uralaj esperantistoj kaj E-gastoj venintaj al Jekaterinburg kunfestis Zamenhof-tagon, kiu iĝis jam tradicia vintra regiona E-aranĝo. La programo de la festo estis kiel kutime riĉa kaj varia, daŭris dum multaj horoj, kaj nia raporto pri ĝi jam aperis en REGo. Mi nur ŝatus mencii ĉi tie pri kelkaj momentoj, kiuj impresis min persone, kaj rakonti pri la programeroj, kiuj estis ĉijare novaj por ĉi tiu E-evento.



Por la unua fojo nian Zamenhof-feston partoprenis ĉi-foje eksterlanda esperantisto – Andre Müller el Germanio, kiu dum du semajnoj gastis en Jekaterinburg

ĉe sia E-amikino kaj, cetere, dufoje vizitis ankaŭ lecionojn de la loka E-kurso por komencantoj. Dum Zamenhof-festo Andre aktive kontribuis por la programo per prezentado pri la junulara E-grupo en Lejpzig, ĝia agado, rakonto pri Lingva Vespero kaj amuza skeĉo dum la amika koncerto.

Tre ĝojigis min veno al Zamenhof-tago de esperantistoj el Glazov (Udmurtio), grandgrupe ĉi-jare (ankaŭ pasintjare glazovanoj partoprenis la feston, sed nur duope). Krom la spertuloj Oljga Ŝilajeva kaj Roman Jefremov, plejparto de la grupo estis kursanoj-novuloj. Konsiderante, ke tiun ĉi Zamenhof-tagon partoprenos sufiĉe multe da freŝbakitaj komencantoj el Jekaterinburg kaj Glazov, estis decidite enprogramigi tage apartan programeron utilan por ili. Vladimir Opletajev el Surgut preparis por komencantoj tre interesan kaj atentokaptan duhoran programeron, parte interkonatigan, parte en la formo de rolludoj, kiuj helpis instigi la novulojn paroli Esperante. Por multaj el la partoprenintoj tio estis la unua provo de antaŭpublika E-parolo. Fine de la programero okazis gramatika kvizo, kies gajninto ricevis libropremion.

Vespere dum Z-festo ni tradicie gaje akceptis la novulojn en nian E-rondon, enmanigis ŝercajn memoraĵojn pri tiu ĉi momento, kuraĝigis ilin vorte. Glazovanoj Olja Ŝilajeva kaj Roman Jefremov aktive kontribuis por la programo, iniciatis kaj organizis multajn distrajn amasajn ludojn, kiujn ĉiuj volonte partoprenis.

Ĝojiga ero de la Festo estis solena enmanigo de la atestiloj pri la okazigita ĉi tie junie skriba KER-ekzameno. Unue estis prezentita videa saluto de Katalin Kovats el la 97-a UK en Hanojo, kie ŝi parolis pri la rezultoj de la tutmonda skriba ekzameno, kaj poste la ĉeforganizanto de la jekaterinburga ekzamensesio Aleksandr Osincev enmanigis la atestilojn pri diversnivelaj lingvokonoj al la ĉeestaj sukcesintoj de la ekzameno.

Agrabla surprizo por ĉiuj partoprenantoj iĝis salut-mesaĝo de Arina Osipova, kiu nun volontulas en Pollando, en Bjalistoko. Ŝi ankaŭ transsendis al ni speciale preparitan de ŝi filmeton pri Bjalistokaj Zamenhof-tagoj, kiun ni plezure spektis – ja estas tre interese vidi kiel oni festas tiun tagon kaj kio okazas en la naskiĝurbo de la aŭtoro de Esperanto.



Fine de mia raporto mi nur volus konkludi, ke ĉiuj sukcese okazigitaj aŭtune kaj vintre Esperanto-aktivaĵoj ebligis al ni inde fini la enhavriĉan kaj fruktodonan jaron 2012, jubilean por Esperanto.

***Raja Kudrjavceva***
***(Jekaterinburg)***

# IF-29, ANTAŬJUBILEA KAJ ANTAŬLASTA

Bonvesperon al la legantoj de REGo!

Restante por monato en Francio pro mia adiaŭa turneo, mi uzas liberan horon por raporti pri la vica ĉarma evento en la vivo de ĉirkaŭ 100 esperantistoj el 16 landoj, ankaŭ en mia vivo. La evento, nomanta Internacia Festivalo, ĝi okazis jam la 29-an fojon laŭkutime inter la 27-a de decembro kaj la 4-a de januaro en Germanio. Ĉi-foje – en Dortmund, la urbego de fama industria Ruhr-regiono. La konstanta kaj senlaca fervora organizanto de la Festivaloj, Hans Dieter Platz, pli bone konata kiel HDP, denove sukcesis majstre aranĝi allogan kaj atentokaptan programon.

La kadra temo de IF-29 estis "Komputiloj kaj Interreto". Aron da prelegoj por ĝi provizis Rob Keetlaer (Nederlando), Dima Ŝevĉenko (Rusio) kaj aliaj. Ne mankis ankaŭ ekstertemaj prelegoj: pri historio de E-movado, pri fabelaj mondoj, pri astronomio k.a. En la metiejoj de IF dezirantoj povis praktiki ĉizadon de sapŝtono aŭ kreadon de ornamaĵoj el vitro. E-verkistoj prezentis siajn novajn verkojn ene de la aŭtoraj horoj. Pri elektronikaj libroj kaj perspektivo por uzo de tiuj en Esperantujo konvinke parolis Dima Ŝevĉenko. Fervora vojaĝanto Amri Wandel kun multaj bildoj rakontis pri sia vojaĝo en Birmo, klariginte kelkajn mavajn spertojn por eniri la landon. Dum kelkaj grupaj promenoj la partoprenantoj sukcesis konatiĝi kun la urbo, posedanta multajn vidindaĵojn.




La tuttaga ekskurso kondukis la IF-anojn al la iama koaksa produktejo, kiu nun iĝis muzeo pri la temo kaj ofertis la teritoriojn por glitkurejo, restoracio ktp. En la restoracio inter ŝtalaj traboj kaj nigraj muroj, do en tute speciala etoso, okazis la tagmanĝo post kiu ni vizitis ankaŭ la iaman karbominejon, kiu provizis la koaksofabrikon per la krudmaterialo.

La vesperaj programoj laŭkutime estis variaj kaj interesaj. La pintoj de la Festivalo estis la Interkona vespero, okazinta dum la unua tago, kaj la Internacia koncerto – dum la lasta. Inter tiuj okazis la biervespero, kie la spertulo Harald Schicke rakontis pri bierproduktado kaj kvalitoj de diversaj bieroj kaj gustumigis al ĉiuj sep

bierspecojn, produktitajn en Dortmund. Brave pasis la Israela vespero, dum kiu ni ricevis rakonton pri la Azia E-Kongreso,okazonta aprile en Jerusalemo, memordediĉon al la forpasinta aktivulo Josef Ŝemer, fajran israelan dancadon kaj regalon per tipaj israelaj pladoj. Dum la vespera koncerto Mikaelo Bronŝtejn kaj Sergeo Straŝnenko prezentis al la publiko novan diskon "La antaŭlasta trajno" kun 15 kantoj, registritaj en Rigo kaj eldonitaj en Moskvo. Tradicie kronis la Festivalon la Silvestra balo kaj bufedo, okazintaj dum la tuta Novjara nokto kun sinsekvaj gratuloj kaj tostoj okaze de alveno de la rusa, israela-latva, eŭropa kaj brita-islanda Novjaroj. Anticipe estis gratulitaj la japanaj partoprenintoj, kies Novjaro alvenis multe pli frue. Fervora dancado daŭris ĝis la frumateno.



La Internacian Festivalon ĉi-jare partoprenis per multaj aktivecoj ok reprezentantoj de Rusio.

La jubilea 30-a Internacia Festivalo, onidire, estus la lasta, sed la konstantaj partoprenantoj de la aranĝo ne ŝatus estingi tiom brilan jarfinan aranĝon. Ĉiuokaze, por la loko de la sekvantjara IF estas elektita antikva bavaria urbo Nordlingen.

***Mikaelo Bronŝtejn (Tiĥvin)***

## PREFIKSE UZATAJ E-VORTOJ

**parto 4** [1]

**KUN**

Ŝi tiel ŝategas instrui: "atendas min vivo en Mesnil-Saint-Père, en la domo, kiun fraŭlino Patront kaj mi **kunaĉetis**.
*Suzanne Bourot, or., Francio, Yvonne Mortinos, 1900-(1971)-1985, eld. Kooperativo de Literatura Foiro, Svislando/Francio, 1995, p. 19*

Ĉu iam, iu instanco, iu kongreso donos al ni, esperantistaj aktoroj el diversaj landoj, la eblon kunlabori, la ĝojon **kunaktori**, eĉ se nur por tri aŭ kvar prezentoj, en iu belega, impona, grandioza teksto, ludata de ampleksa, bunta, diversdevena aktoraro?
*Solen, or., Francio. Sennacieca Revuo, 119 (1991), p. 24*

La rabiston dismason kaj lian meson oni nur krome **kunatentas**.
*Wilhelm Theodor Oeste, el la germana, La Gazeto, 99 (mar. 2002), p. 19*

---

[1] La antaŭaj partoj aperis en REGo № 3-4 (70-71) – 6 (73), 2012.

La 5-an de junio 32000 biciklantoj invadis la monrealajn stratojn... Eĉ la urbestro **kunbiciklis** ...
*S.Auclar, or., Kanado, Monato, 1986, 6, p. 7*

Ŝi ofte prezentatas kune kun juna akompananto. Tiel en la frigia mitologio ŝi aperas en la kompanio de Atiso, kaj tian **kunbildon** oni ree ricevas en la greka mitologio sub la figuroj de Afrodita kaj Adoniso, kies simbolaj profiloj spureblas en la duopo Maria kaj Jesuo.
*Miguel Fernandes, or., La Gazeto, 77 (jun. 1998), p. 10*

Li vidas la teruran falsecon, nenaturecon, defremdiĝitecon de la tuta superstrukturo de la civilizita mondo... Ankoraŭ kredante pri la eblo de flankeniĝo li rifuzas **kunboji**.
*Vilmos Benczik, or., Hungario, Norda Prismo, 1970, 1, p. 52*

... sub kies dise-vastaj branĉoj staras tri altaj tomboŝtonoj... La piceo **kunbrakas** ilin forte per la branĉoj, por ke ili ne povu kuniri kun la preterirantoj.
*el la hungara, Norda Prismo, 1967, 2, p. 99*

Kvankam komence ne facilas sin orienti en la rakonto, la absurderoj **kunbrikiĝas** harmonie, tiel ke sur p. 57 (el 232) mi jam legis kun apenaŭa surprizo frazon...
*Jorge Camacho, or., Hispanio, Esperanto, 2006, 11, p. 232*

Diversaj tre seriozaj ne-esperantistaj partneroj – kaj dekoj da individuoj – multmaniere subtenas la projekton kaj **kuncerbumas**. Inter pluraj aliaj estas nomindaj...
*Maŭro La Torre, or., Italio, Internacia Pedagogia Revuo, 2001, 1, p. 11*

Ankaŭ ĉi tie regas la kontrastoj: **kunĉeesto** de ŝanĝiĝantaj animstatoj, de ekzaltiga sentemo al fantaziado pri morto, de timoj al esperoj, de volupto al suferoj.
*Nicolino Rossi, or., La Gazeto, 113 (jun. 2004), p. 24*

Laŭ la iom komplika ĉina registara sistemo Chen Haosu estas paralela ministro pri eksterlandaj aferoj, kiu **kundecidas** pri aferoj de eksterlanda politiko.
*Renato Corsetti, Lee Chong-Yeong, Italio, Koreio, Esperanto, 2001, 12, p. 203*

Tamen Nord-Irlando prezentas interesan fenomenon, ankaŭ ne originalan: hieraŭaj "teroristoj" fariĝis nunaj **kundiskutantoj**.
*Michel Duc Goninaz, or., Francio, La Kancerkliniko, 107 (jul.-aŭg. 2003), p. 7*

La Piklo estas fama pro salatoj. **Kundudeko** da ingrediencoj, dudekunu se laktukfolio havas raŭpon.
*Meva Maron, or., Brazilo, La Gazeto, 40 (apr. 1992), p. 9*

Jouko Lindstedt, 45-jara profesoro... estis **kunproklamita** kiel la Esperantisto de la jaro 2000 pro la...
... Mirigis. Mi ja konas la meritojn de la du **kunelektitoj**...
... Kiel vi taksas la signifon de la dokumento, kiun vi **kuniniciatis**?
*La Ondo de Esperanto, 2001, 3, p. 3*

La ĉi-supra mallonga dialogo jam sugestas, kiel konstruiĝas la internacia kulturo.

Gi ne estas io ŝvebanta super niaj kapoj, sed konsistas el tiuj partoj de naciaj kulturoj, kiujn ĝi ensorbis kaj kombinis **kunen**.
*Konisi Gaku, or., Japanio, Riveroj, 1997, 15, p. 3*

La "popolo de poetoj kaj pensiuloj" troviĝis en plena Gidofebro kaj amase voris liajn koncerte disdonatajn "nuksangulojn" – triangulan nukstegaĵan kuketon, kiun lia **kunfamiĝinta** patrino kutimas baki laŭ speciala recepto.
*Pejno Simono, or., Monato, 1998, 11, p. 11*

Brave, ĉinoj! Tra la tuta mondo bonkoraj homoj **kunfestas** la starigon de la mejloŝtono 50-jaroj de libero, ke ĝi estu apenaŭ dekono de brila estonteco!
*Georgo Otto Vaske, or., Brazilo, El Popola Ĉinio, 2000, 3, p. 9*

La evento estas merito de la Esperanta PEN-Centro, sed pri ĝi LF-koop. rajtas **kunfieri**: la tuta Komitato de la Esperanta PEN konsistas el niaj kooperantoj, la plej multo de ĝia anaro posedas ankaŭ kooperativajn akciojn...
*Giorgio Silfer, or., Italio, Literatura Foiro, 146, (dec. 1993), p. 287*

La **kunfirmano**, Menezes, alvenis tiam kaj deviigis liajn pensojn.
*Manuel de Seabra, el la portugala, Norda Prismo, 1970, 4, p. 226*

Tie turnu vin dekstren, kaj post duon-ĉoa iro troviĝas drinkejo nomata Yanagiya. La sinjoro **kunflamas** kun Osetu de Yanagaiya, kaj tial trempas sin ĉiam tie, tiel ke ni ne povas rekte rigardi ilin.
*Ueyama Masao, el la japana, Riveroj, 22 (nov. 1998), p. 42*

Ĝi estas la plej ŝatata kanto de Ĉalan, **kunflustris** la homoj, kaj dume la ĥoro plifortiĝante daŭrigas...
*el la hungara, Norda Prismo, 1967, 2, p. 101*

Poste sur tiun nostalgion surtrafas granda evento: la kolektiva submergiĝo de ĉiuj en la "onde avidiĝema amaso de hodiaŭ". Unu vizaĝo de tiu evento estas la nuna ŝajno de hegemonio de blankulaj landoj. Alia vizaĝo estas la tendenco de ĉies gustoj, kvazaŭ devige elektadi al si la plej bizarajn deviajn formojn – de dis-gusto malsocia anstataŭ de **kun-gusto** socia.
*Probal Daŝgupto, or., Hindio, Fonto, 241 (jan. 2001), p. 8-9*

Instruado de Esperanto al rifuĝintoj, kiuj jam emas reiri siajn hejmojn, garantias la ekziston kaj vivon de Esperanto en Afganujo, kiun nun la tuta mondo unuanime jam intencas **kunhelpi**, kaj ankaŭ ni esperantistoj intencas helpeti laŭ niaj povoj.
*Reza Torabi, or., Irano, La Ondo de Esperanto, 2002, 4, p. 4*

Por li la meksikianoj ne estas fremduloj aŭ alirasanoj, sed tutsimple **kunhomoj**, kies vortoj estas liaj vortoj, kies manĝoj ankaŭ estas laŭinvite la liaj.
*Peter E.Browne, or., Usono, Fonto, 254 (feb. 2002), p. 10*

... akceptante la vivon tia, kia ĝi estas kun ties ĉiutaga prozeco, ties sombre griza realo tra la konsolo de l' laboro, la plenumo de la devoj al si mem kaj al la **kunhomoj**, la kredo...

*Nicolino Rossi, or., Italio, La Gazeto, 77 (jun. 1998), p. 29*

Por ripari la mondon, oni devas obei la ordonojn de la Biblio, de la Torao. Oni devas ami sian **kunhomon** kaj afable konduti kun li/ŝi.
*Howard Hammond, or., Usono, Kontakto, 186 (6, 2001), p. 5*

... eksterordinara kvanto de unuopaj hungaroj tra la mondo fariĝis eminentaj. Nobelpremiitoj iĝis: ..
aliaj **kunpioniris** aŭ **kuninventis** multon: von Neumann la komputilon ...
*Juna Amiko, 1994, 3, p. 32*

Multaj **kunkaŭzoj** rolis, ne nur la malhumaneco de la marksismaj doktrinoj, de la "diktaturo de la proletaro".
*Aldo De Giorgi, or., Sennacieca Revuo, 120 (1992), p. 6*

Jam en 1957 mi ekokupiĝis pri Esperanto, kunlaboris por reorganizi la movadon en GDR kaj **kunklopodis** doni al ĝi evolueblojn...
*Detlev Blanke, or., Germanio, La Ondo de Esperanto, 1999, 4, p. 8*

La artikoloj en tiu revuo estas tre diversaj kaj lerte **kunkolektitaj**.
*Laszlo J. Toth, or., Hungario, La Gazeto, 125, (jun. 2006), p. 22*

Neesperantistaj **kunkonferencanoj** aprezis la riĉecon de la programo, kiu konsistis el elementoj...
*Maria Majerczak, or., La Ondo de Esperanto, 2005, 6, p. 6*

Partoprenante en la Konsilio UEA klopodas inkluzivigi almenaŭ **kunkonsideron** de Esperanto kiel unu el eblaj kaj studindaj solvoj por la multfaceta internacia komunikproblemo.
*UEA, or., REGo, 2006, 1, p. 16*

La Blankanoj ne elektis la vojon de la obstrukca opozicio, sed ĉiam **kunkonstrue** kondiĉis la ĉefajn decidojn de la Senato.
*Nelly Holevitch, or., Bulgario-Nederlando, Heroldo de Esperanto, 14, 2006, p. 1*

... kaj neniu **kunkonstruis** la rakonton pri Sindibad kaj Ali Baba en unuecan verkon.
*Eugene de Zilah, or., Hungario – Francio, La Gazeto, 122, (jan. 2006), p. 3*

... rekoninte sin mem, oni nepre admiru la kolorojn, per kiuj aŭtoro kaj tradukinto sian majstroverkon **kunkreis**.
*Paul Gubbins, or., Anglio, La Ondo de Esperanto, 2001, 12, p. 16*

Teknike li miksas ĥoron kaj dialogon, muizikon kaj parolan dramon, **kunkreante** kun la komponisto Kuryt Weill. El tiu...
*MdZ, or., Francio, La Gazeto, 87 (mar.2000), p. 17*

Mi substrekas kodon ekologian: la oldulo vidas la fiŝegon kaj aliajn marbestojn kiel **kunkreitojn**, kiel efektivaj ekzistfratoj, mortigante ilin nur laŭ la postuloj de la vivo mem.
*Peter Browne, or., Usono, La Gazeto, 97 (dec.2001), p. 22*

Post iom da prokrasto en la preparlaboro, – kiu cetere **kunkulpis** pro la pereo de multaj homoj el la Hungaria provinco, ...
*Molnar Mihaly, or., Hungario, Sennacieca Revuo, 120 (1992), p. 9*

Ĉi tie mi ne konsideru la romkatolikan antisemitismon **kunkulpan** pri la morto de milionoj da homoj.
*Leen Deij, or., Nederlando, Literatura Foiro, 151 (okt. 1994), p. 273*

"LOdE" (demando al W.Auld): Kion sentis la unua persono, proklamita la Esperantisto de la Jaro...?
Auld: Nu fakte, grandan plezuron... Tamen ne estus nature, se mi ne plezuriĝus pro la honorigo fare de miaj **kunkulturanoj**.
*W.Auld, or., Skotlando, La Ondo de Esperanto, 1999, 2, p. 3*

Mi legis vian artikolon en "La Gazeto" pri Genji kun granda intereso kaj dankas vin pro la honorigo de mia **kunlandano**.
*Yamasaki Seiko, or., Japanio, La Gazeto, 85 (dec. 1999), p. 9*

Post 71-hora aranĝo konstatiĝis, ke la plej longa kiso daŭris 54 horojn kaj 2 minutojn. La **kunlipuloj**, geedzoj Loreta kaj Linas...
*Last, or., Litovio, Monato, 1997, 5, p. 4*

Ni provizos 12 horojn por diskutado kaj krom tio oni **kunmanĝos**, **kuntrinkos**, nome **kunloĝados**. Gastprelegos du fakuloj...
*Nisio Tuhomu, or., Japanio, Riveroj, 16 (1997), p. 38*

La kongreson **kun-malfermis** la helpepiskopo de Gliwice...
*Boguslav Sobol, Simon Smits, or., Pollando, Esperanto, 1999, 11, p.188*

Esperantistoj **kunmanifestacias** [titolo]
Ĉirkaŭ mil aktivuloj partoprenis 26 sep. manifestacion...
*Joao Junior, La Ondo de Esperanto, 2000, 11, p. 8*

Ĉe la poemo *La Liberrajto* li alpruntas komparon de birdoj kaj fiŝoj por substreki la denaturan homrajton al libero kiel nemiskompreneblan primaran elementon, kiun homo depostulu de sia **kunmondo.**
*Nicolino Rossi, or., Italio, Literatura Foiro, 186 (aŭg. 2000), p. 196*

La koĉero ne konsentis porti la virinojn al iu, evidente tute malsignifa urbeto, kontraŭ tiu pago, kiun ili proponis. La virinoj, interrompante unu la alian, parolis, ke ili jam **kunmonis** triope kaj pli ne havas.
*Anatolo Gonĉarov, el la rusa, Literatura Foiro, 220, (apr. 2006), p. 98*

Eĉ tiel la du esprimoj ne **kunnotus** (ne aludus), la samajn semantikajn kampojn, tio estas ne naskus en la konscio de la alparolato la samajn konceptatajn rilatojn subaŭ superlogikajn.
*Eŭgene de Zilah, or., Hungario-Francio, La Gazeto, 85 (dec. 1999), p. 5*

La sveda lingvo estas **kunoficiala**, lernata en lernejo, sed la komuna nacia lingvo

estas la finna.
*Georgo Kamaĉo, or., Hispanio, Esperanto, 1995, 2, p. 25*

Jam dum la bedaŭrinde sensukcesa **kunpaciga** religia kongreso inter la katolkoj kaj evangelikoj en...
*Jana Cichova, el la ĉeĥa, Norda Prismo, 1972, 1, p. 25*

Krom manko de kelkaj, tamen estis aŭstroj, italoj kaj kroatoj, kaj la kunlaboro estis tre fruktodona. Oni sukcese **kunparolis** pri gravaj aferoj.
*Pedro Pablo M. Pradas, or., Eventoj, 1996, 2/sept., p. 5*

Dimanĉe pluraj konferencanoj restis por la Interreta Festo kiun gvidis Orlando Raola. Dum ĝi ni interŝanĝe fotis kaj **kunparolis** esperantistojn en Brazilo, Rumanio kaj Hispanio.
*Dorothy Holland, or., Usono, La Ondo de Esperanto, 2001, 12, p. 5*

... eble sekvos la ideo, ke ankaŭ poligamio povas esti akceptebla. Kompreneble ĝi devas baziĝi sur la plene libera akceptado de ĉiuj **kunpartneroj**, kaj sur la reguloj, kiuj certigas samajn devojn kaj rajtojn, kaj donas al la infanoj la certecon esti en unu familio.
*Manfred Westermayer, or., Germanio, Kontakto, 2006, 5-6, p. 25*

Kuris kilometroj, kuris horoj, la trajno balanciĝis monotone, tamen mi ne povis dormi, do por mallongigi la lacigan vojaĝtempon observadis mi la **kunpasaĝerojn**.
*Mira Andrusiewicz, or., Pollando, Norda Prismo, 1969, 1, p. 47*

Charles ankaŭ helpis al la najbaroj por ke la infanoj ne estu senditaj al orfejoj. Sinjorino Leonov, la bopatrino de Maru, fariĝis **kunpatrino** por niaj infanoj.
*Sabira Stehlberg, el la angla, Literatura Foiro, 201 (febr. 2003), p. 8*

La studentoj havas kaŝnomon kaj rolon, kio igas ilin forgesi siajn ĉiutagajn rutinaĵojn kaj interrilatojn... Tio igas la partnerojn pli interesaj, alparolindaj kaj pridemandindaj, ol kiam ili estas siaj veraj memoj, eble jam delonge konataj unu de la alia kiel samklubanoj aŭ samlandanoj. Pri siaj roloj kaj la lingva teatrumado dum la kurso ili **kunplezure** rememoras eĉ monatojn aŭ jarojn post la kurso.
*Raita Pyhälä, or., Finnlando, Internacia Pedagogia Revuo, 2002, 4, p. 28*

... li vidis, pro la kontrahiĝoj de ŝia dorso, ke Gjarta ploras. Li povintus **kunplori**, sed pro honto sin detenis...
*Finn Elwarth, el la dana, Fonto, 262 (okt. 2002), p. 26*

Se via brava patrino vian suferon nomis kalvaria, tio diras, ke ŝi per la vortoj... promesis al vi foriri, antaŭ ol la sufero atingu plenumiĝon, sed en sia koro ŝi ĝin konservis kaj **kunpremicis** kun vi, en silenta espero, ...
*Vinko Oŝlak, or., Slovenio-Aŭstrio, La Gazeto, 104 (jan. 2003), p. 16*

Laŭdinde multaj landaj asocioj respondis al la alvoko kaj klopodis, sed mallaŭdinde malmultaj landoj estis pretaj subteni, kaj inter ili neniu el la grandaj landoj pretis **kunprezenti** la rezolucion...

*Renato Corsetti, or., Italio, Esperanto, 2006, 6, p. 133*

Kaj la blua cirklo en la fono signas nian planedon en kiu la kunekzisto kaj **kunprogreso** de la homaro atingiĝu per la harmonio inter la okcidento kaj oriento kaj per la kunlaboro inter nordo kaj sudo.
*or., La Espero el Koreio, 1993, 1, p. 10*

Tion kantis la ŝtonozaj montaroj de Lika kaj la mildaj montoj de Banija kaj de Kordun.
– Krajina kaj Lika **kunpromesas**:
sin subigi ne permesas!
Jovan Zarkoviĉ, el la serba, D.Mikuliĉiĉ, "O" kaj aliaj rakontoj, Zagreb, 1988, p. 7

... kaj nia **kunredaktisto** en Pekino bonfortune renkontis la tradukinton de "Ruĝdoma Sonĝo".
*Jen Seimin, el la ĉina, La Gazeto, 82 (apr. 1999), p. 2*

Tiu enhave ĉarma libro, vivprokisma kaj spertresponda (eĉ se fikcia) elvokas malĝustan supozon per la kovrilo kiun ĝi **kunricevis**. Laŭ mi, la naiva frontbildo donas falsan impreson; ...
*Christian Declerck, or., La Gazeto, 101 (jan. 2002), p. 20*

Se la amo estas kolorplena floro
La rideto estas do **kun-rosa** ĝermo.
*Jozo, or., La Kancerkliniko, 93 (jan.-mar. 2000), p. 12*

Ni ankaŭ zorgas pri la traktado de vortoj kaj esprimoj havantaj diskriminaciajn **kunsignifojn** kaj uzateblojn, vidpunkte de la respektado al la rajtoj de sociaj malfortuloj.
*Ŝimizu Koiĉi, or., Japanio, Riveroj, 1994, 4, p. 5*

DLT-sistemo ne intencas traduki literaturaĵojn, ĉar stilaj efikoj **kunsignifoj** kaj aliaj subtilaĵoj ("legado inter la linioj") per ĝi ne estas realigeblaj...
*Jan Pospiŝil, or. Ĉeĥio, Budapeŝta Informilo, 1986, 7, p. 16*

– Kredeble estas pro la soleco, la pli juna frato diris **kunsente**.
– Jes, eble, respondis la pli aĝa.
Ili iom **kunsilentis**.
– Ŝi diras, ke...
*Sten Johansson, el la sveda, Fonto, 243 (mar. 2001), p. 17*

En Italio ni plu sekvas ŝian vivovojon: la peza laboro komence en la vila kuirejo, ŝiaj personaj peripetioj, ŝia paruliniĝo al **kunsklavo**, kiu poste sukcesas sin liberigi...
*Gerrit Berveling, or., Nederlando, Fonto, 215 (nov. 1998), p. 33*

Al tomboj de la **kunsoldatoj**
Mi volas fari la viziton,
Ni en tranĉeo, kazematoj

Sakrante damnis la militon
*Arturs Kubulnieks, or., Latvio, Litova Stelo, 1996, 6, p. 19*

La prononco de Ĵak estas ĉarme franca kaj brile klara, kaj la melodioj kaj **kunsonado** estas kompleta kaj senriproĉa.
*Andrej Peĉonkin, or., Rusio, La Ondo de Esperanto, 10, 2005, p. 19*

Unu mankon tamen havis ĉiuj tri kunsidoj: ne restis sufiĉe da lokoj por kunsidi kaj multaj interesatoj do devis "**kunstari**".
*Petro Chrdle, or., Ĉeĥio, Esperanto, 2005, 10, p. 202*

"La Gazeto" jam estas ĉe sia kvina solvo de eldonigo de tiuj ĉi ĉapelitaj literoj, kaj aĉetis, en 17 jaroj, 7 komputilojn por resti **kuntaŭga** kun la maŝinoj de presistoj.
*Eŭgene de Zilah, or., Hungario-Francio, La Gazeto, 103 (okt. 2002), p. 4*

Kiel sana korpo elĵetas fremdajn aĵerojn, lingvo sane funkcianta elpelas ne **kuntaŭgajn** morfemojn kaj semantemojn.
*Eŭgene de Zilah, or., Hungario-Francio, La Gazeto, 99 (mar. 2002), p. 3*

Ankaŭ la knabinoj estas nederlandaninoj. Kaj se paroj formiĝas, se la etno reproduktiĝas, la inoj de la etno devas **kuntaŭgi** kun ties viroj. La tuta tiu ĉi historio estas nederlanda.
*Eŭgene de Zilah, or., Hungario-Francio, La Gazeto, 107 (jun. 2003), p. 4*

Tial la strukturoj gramatikaj kaj semantikaj de la uzataj fontolingvoj devis esti **kuntaŭgaj** kaj reprodukteblaj en la esperanta.
*Eŭgene de Zilah, or., Hungario – Francio, La Gazeto, 95 (jun. 2001), p. 3*

Paracelso transprenis el tiu ĉi metodo... La kaŭzon de la malsano li vidis en senvalidigo de la ekvilibro, en **nekuntaŭgo** de la korpo, animo kaj spirito.
*Jana Cichova, el la ĉeĥa, La Gazeto, 125, (jun. 2006), p. 35*

Ankaŭ tiu sindediĉo kaj preteco al la sinofero de Oresto estas **kuntekstigata** tra la stato de ekzaltiĝo tiom ke Bivana ne povas ne memori.
*Armando Zecchin kaj Luciano Mantaut, or., Italio, Literatura Foiro, 189 (feb. 2001), p. 45*

Foj-foje povas respondi iujn misterojn de la esplorata verko ankaŭ la **kuntempaj** artoj, ĵurnalismo...
*Vilmos Benczik, or., Hungario, Norda Prismo, 1972, 2, p. 73*

La paŝojn faras pli fortaj kaj iom misteraj la eĥo. Li elŝlosas la pordon – kiam li haltas, oni aŭdas **kuntintiĝon** de pluraj ŝlosiloj.
*Vilmos Benczik, or., Hungario, Norda Prismo, 1969, 2, p. 104*

Fine kaj por reveni al demandoj kiujn ni hodiaŭ **kuntraktas,** tial ke ĝardeno povas enteni vegetaĵojn ...
*Marie-France Conde Rey, el la franca, Literatura Foiro, 201 (feb. 2003), p. 16*

Alĝerio. La jaroj '30. Strando bakata e la suno. "Mi" pafmortigis arabon **kuntran-**

**ĉilan** en mensa stato strese konfuzata de la brulvarmo.
*Michel Duc Goninaz, el la franca, Riveroj, 16 (1997) p. 27*

Jes! Ĝuste tiu Leena Peisa, kiu estis klavaristino en *Dolchamar;* ŝi en kostumo de monstro **kuntriumfis** sur la eŭropa scenejo.
*Aleksander Korĵenkov, or., Rusio, La Ondo de Esperanto, 6, 2006, p. 23*

... faris propagandan parolon, kaj ĝin sekvis nia kurso. Mi bone memoras, kiel ni iris kaleŝe de domo al domo por varbi publikon pere de persona persvado. Sed tia-maniere ni sukcesis **kuntrumpete** vere rekordan publikon.
*Kolomano Kalocsay, or., Hungario, Eventoj, 1992, jul/2, p. 8*

En multaj afrikaj lernejoj la infanoj devas **kunuzi** skribilojn, paperon, lernilojn ktp. kun aliaj lernantoj.
*Gbeglo Koffi, or., Togolando, Kontakto, 1998, 2, p. 3*

Fremda lingvo, tio ja estas nur: vortprovizo, gramatiko, kaj **kun-uzo** de ambaŭ.
*H.Hamomet, or., Internacia Pedagogia Revuo, 1998, 1, p. 13*

Malfacile ne sonĝi
pri vivo **kunvia**,
pri amo de vi.
*Gunnar Gällmo, or., Fonto, 107 (nov. 1989), p. 5*

Ĉi-foje ni vidas [en filmoj – A.G.] la ĉiutagan mondon de droguloj el ilia vid-punkto, t.e. ni **kunvidas** kaj, certagrade **kunvivas** ĝin.
*Jorge Camacho, or., Hispanio, Monato, 1997, 1, p. 11*

Mi ankaŭ **kun-Vinke** konvinkiĝis, ke ankaŭ mi devis iom adapti iom...; mi eĉ laŭ ia senco **kun-Vinkiĝis** dum nia kunveturado... mi volas esti muso en lia poŝo. [el recenzo pri la libro de Vinko Oŝlak – A.G.].
*W.Anderson, or., La Gazeto, 74 (jan. 1998), p. 26*

... usona specialisto, sintezis ĝelon el fenolrezino, **kunverŝante** malkoncentritan solvaĵon de rezorcinolo (dihidro-benzeno) kaj formaldehido.
*Werner Fuss, or., Monato, 1993, 3, p. 15*

Unuflanke li donas tre precizajn informojn pri la okazintaĵoj... aliflanke li **kunvi-bras** kun la malfeliĉaj protestantoj abomeninde persekutitaj far' la...
*Eŭgene de Zilah, el la hungara, La Gazeto, 93 (mar. 2001), p. 19*

Perfektigu vin **kunvojaĝe**. ... aldonigis la nova, samnivele altkvalita libro de Paul Gubbins "**Kunvojaĝu**".
*or., Monato, 1997, 2, p. 22*

En la vespero kantis Woody ten Hagen. Multaj el ni **kunzumis** la popularajn kantojn.
*Koos Scharoroo, or., La Ondo de Esperanto, 2004, 12, p. 6*

***elnotis Anatolo Gonĉarov (Krasnojarsk)***

*Tjumena Esperantista klubo "Revo" festos oktobre de 2013 sian kvardekjariĝon, kaj ĉi tiu salutinda fakto donas porokazan pretekston por skizi rememorojn pri eventoj kaj homoj, kiuj rilatis al la renaskiĝo kaj poststagnada ekvigliĝo de la esperantista agado en ĉi tiu okcidentsiberia urbo en la lasta triono de la pasinta jarcento.*

## VLADISLAV ZIBENKES

Aŭtune de 1972 sur informtabulo de la fremdlingva fakultato de Tjumena universitato aperis anonco pri baldaŭ komenciĝonta kurso de la internacia lingvo Esperanto. La afiŝeto kaŭzis multajn onidirojn kaj diskutojn, ĉar la temo, eĉ en la medio de studentoj-filologoj studantaj eŭropajn lingvojn, ŝajnis tiam ekskluziva kaj iusence provoka, unuavice pro la pretendo de iu nekonata planlingvo ambicie titoliĝi internacia. Sed tamen al la informa prelego krom skeptikuloj venis multaj sinceraj interesiĝantoj scivolaj pri la ideo de la helplingvo.



Vespere en iu novembra tago al kelkdekoj da aŭskultantoj en universitata aŭditorio prelegis Vladislav Zibenkes. Evidente li tiel konvinke pledis por Esperanto kaj ĝiaj avantaĝoj, ke senprobleme kolektiĝis unua grupo por lerni ĉi tiun lingvon. La kurson gvidis mem Vladislav, liaj iniciatoj trovis aprobon kaj subtenon de la fakultata estraro, studenta kaj sindikata komitatoj. Lia aktiva interveno kaj insista agitado por nekonata lingvo similis kvazaŭ freŝan venteton blovantan senbare tra la universitataj koridoroj vastigante la limojn de studentaj interesoj, povoj kaj revoj. Des pli mirindas la fakto, ke lia brava intenco riveliĝis en la jaroj de multaj malpermesoj kaj rigoraj limigoj de ĉiaj civitanaj iniciatoj ne ligitaj al la oficiala partia kodo.

Vladislav naskiĝis en Barnaul en 1941. Li loĝis dudek jarojn en Dagestano, en la naŭdekaj jaroj – en Moskvo, unu jaron li pasigis eĉ en la afrika lando Benino. Post la universitata studado de la angla lingvo kaj literaturo li estis diplomita tradukisto. Vladislav lernis Esperanton memstare kaj, lerninte la lingvon, tuj entuziasmiĝis kaj tre ekaktivis kiel informanto kaj instruanto de Esperanto. Li publikigis sennombran kvanton de anoncoj kaj informartikoloj en ĵurnaloj de diversaj regionoj kaj urboj. Kune kun sia edzino Irida Basko li instruis Esperanton koresponde, mem organizis kaj gvidis ĉeestajn kursojn de Esperanto en diversaj urboj de Sovetunio. Pli ol cent personoj sukcese finis iliajn korespondajn kursojn de Esperanto, kaj pluraj finintoj de tiuj kursoj ĝis nun aktivas en diversaj urboj de Rusio, sed pliaj centoj da korespondlernantoj tra la tuta lando informiĝis pri la lingvo kaj ekkonis Esperanton rezulte de ilia kolosa aktivado. Dank' al la multjara

informa kaj instrua agadoj de Vladislav aperis grupoj kaj kluboj de esperantistoj en Kaspijsk, Salavat, Tjumenj, Kazanj, Maĥaĉkala. Li ne ĉiam estis senpere inter la fondintoj de novaj grupoj kaj kluboj, sed liaj unuaj akcelaj puŝoj kondiĉis kreiĝon de konvenaj cirkonstancoj por plua memstara evoluo de novaj agemaj kolektivoj.

Kiel movada aktivulo Vladislav provis trovi por esperantistoj tiajn agadformojn, kiuj ne nur cedis al romantikemo de la gejunuloj, sed ankaŭ sukcese konceptis aktualajn tendencojn en la junulara medio. En tiuj jaroj somera dumferia laborado de studentoj en konstrutaĉmentoj estis tre populara, kaj en 1970 li kune kun Abduraĥman Junusov organizis en Dagestano SKT – la unuan en Sovetunio studentan esperantistan konstrutaĉmenton. Li estis sekretario de Moskva Internacia



*Tjumena studenta grupo dum OSER (Omsk, majo 1972)*

Esperantista Klubo (MIEK). En 1981 Vladislav kaj lia edzino verkis propran lernolibron de Esperanto, kiun ili uzis por la koresponda kaj engrupa instruadoj. En 1999 la geedzoj transloĝiĝis en Israelon. Ili loĝas nun en la urbeto Kirjat-Haim, situanta en la norda parto de la lando, kaj membras en la norda grupo de Hajfa esperantista klubo.

Verdire la arda entuziasmo de la kursgvidanto kompensis lian ioman idealisman aŭdacon kaj preskaŭ kompletan mankon de instruhelpiloj kaj materialoj. La tjumenaj kursanoj kopiis en siajn kajerojn gramatikajn regulojn kaj vortojn skribatajn de Vladislav krete sur la tabulon. Oni uzis ankaŭ fotokopiitajn kaj maŝinskribitajn tekstojn, ĉar aliaj pli perfektaj multobligebloj en tiuj jaroj

mankis. Nur fine de la kurso estis akirita la libreto de I.V.Sergejev "Bazoj de Esperanto", kiun la kursvizitantoj uzis por siaj preparîĝoj al ekzameno. La lecionoj okazis vespere en la ĉefkonstruaĵo de la universitato ĉe la strato Semakov, 10. En la grupo regis amika kaj senĝena etoso, kiu kutime kreiĝas inter samaĝaj homoj unuigataj de socie kaj persone utila tasko, kaj ĝin vizitis plejparte junaj studentoj soifaj pri interesa tempopasigo kaj kultura interkomunikado.

Eksaj gekursanoj rememoras Vladislavon en tiu instrusezono kiel junan tridekjaran viron, mezstaturan, emocimoderan, sed pasie kaj persiste realigantan sian planon pri la konigado de Esperanto al tjumenaj studentoj. Li estis modesta, afabla kaj sociema persono kaj, kiel evidentiĝis, kapabla enorbitigi homojn en la sferon de siaj lingvaj interesoj. En la interhomaj kontaktoj Vladislav ofte milde ridetis demonstrante malkonfidencajn trajtojn de sia karaktero. Li neniam ekscitiĝis kaj kutimis komunikiĝi kaj interrilati egalrajte sen aŭtoritata tono.

Printempe de 1973 dum la unuamajaj festaj tagoj Vladislav veturigis sufiĉe grandan studentan grupon al Omsk, kie okazis tradicia regiona Okcident-Siberia esperantista renkontiĝo (OSER) dediĉita al la deka Tutmonda junulara festivalo en Berlino. Bedaŭrinde, apenaŭ iu el inter tjumenaj komencantoj povis tiam adekvate kaj suverene interkomunikiĝi en Esperanto, sed tre gravis la unuaj aŭditaj paroloj, kantoj, versaĵoj kaj ŝercoj en ĉi tiu lingvo, kiu ĝis tiuj tagoj por pluraj en la grupo pli similis nur abstraktan kaj iom ekzotikan studobjekton. Ĉiam atentindas unuaj pozitivaj kaj apogaj kontaktoj por sukcesa enkomunumiĝo de la komencantoj en nova medio. La programo plene preparita kaj ofertita de Omska esperantista klubo kontentigis ĉiujn partoprenantojn per tre amika etoso, lingvaj lecionoj kaj konkursoj, kantaj vesperoj. Dum la rea trajnvojo unuafoje estis de iu aŭdigita ideo pri la fondo de studenta esperantista klubo aŭ rondeto en Tjumenj, sed la ideo povis definitive realiĝi nur aŭtune.

Post la vojaĝo al Omsk Vladislav estis devigita urĝe forveturi el Tjumenj, kaj la kurson ĝis la fino gvidis liaj plej bonaj lernantoj, kiujn li konsultigis koresponde. Fine de majo ĉirkaŭ dudek gekursanoj ekzameniĝis. La lingvokonojn testis komisiono, kiun eniris ankaŭ studentaj aktivuloj el lia grupo kaj reprezentantoj de sociaj junularaj universitataj organizaĵoj. La 2-an de junio 1973 al ĉiu kursfininto estis solene enmanigita atestilo konfirmanta sukcesan finon de la baza kurso de Esperanto. Necesas substreki neordinaran fakton, ke la atestiloj estis provizitaj per oficiala ronda stampo de la fakultato de romana-ĝermana filologio.

Jen tiel post longa, pli ol kvardekjara paŭzo kaj stagnado kaŭzita de malĝojaj historiaj eventoj, en Tjumenj finiĝis la unua kurso de Esperanto de la sepdekaj jaroj, lanĉita kaj sukcese realigita de Vladislav Zibenkes, kvankam li mem jam transloĝiĝis al alia urbo. Kelkaj liaj lernantoj partoprenis somere en tutlandaj esperantistaj aranĝoj.

Oni danku al Vladislav por lia fidela sinteno al Esperanto. B.G.Kolker en sia aŭtobiografio por la Panteono de eminentaj instruistoj de Esperanto ĉe <edukado.net> mencias ankaŭ Vladislavon inter la plej aktivaj instruagantoj de nia lando. Li ne estis surnuba revanto, sed apartenis al grupo de tiuj nemultaj sed tre fervoraj, senlacaj kaj diligentaj semantoj-instruistoj kaj lingvoperantoj, kiuj en

malfacilaj cirkonstancoj praktike antaŭenigis siajn ideojn, postlasis rimarkeblajn spurojn en la junulara movado kaj sukcesis krei en nia lando novan generacion de esperantistoj en la antaŭperestrojkaj jaroj.

***Vladimir Opletajev (Surgut), ekslernanto de V.Zibenkes***

## SERGEJ MASTEPANOV

***omaĝe al forgesitaj herooj***

Multaj esperantistoj havas, aŭ almenaŭ legis la libron de U.Lins "La danĝera lingvo", tial ili scias pri la reprezalioj kontraŭ sovetiaj esperantistoj en 1937-1938. Tamen ne pri ĉiuj E-aktivuloj de tiama SEU ni scias kaj memoras.

Nun mi volas rememori pri iama membro de Centra Komitato de Sovetrespublikara Esperantista Unio, membro de Internacio de Proleta Esperantistaro Mastepanov Sergej Daniloviĉ, kiu mortis antaŭ 20 jaroj apud la urbo Ĉerkessk.

S.Mastepanov laboris antaŭ la aresto kiel instruisto de germana lingvo kaj direktoro de lernejo en la vilaĝo ("stanica") Otradnaja en Kubana regiono. Decembre de 1937, en la aĝo de 24 jaroj, li estis arestita kiel "malamiko de la popolo" kaj kondamnita je pafmortigo. Tamen poste "triopo" de juĝistoj mildigis la verdikton al 10 jaroj de severreĝima malliberejo. En tiuj jaroj kondiĉoj en la norda koncentrejo apud Uĥta estis teruraj – pezaj laboroj, malsanoj, malsatoj. Mastepanov apenaŭ sukcesis resti viva ĝis 1948, kiam li estis liberigita.

En sekvaj jaroj Sergej Daniloviĉ multfoje ŝanĝis loĝ- kaj labrlokojn, timante denove esti arestita. Kaj nur 10 jarojn poste la esperantisteco en Sovetio fariĝis jam ne tiom danĝera afero.

Nia heroa E-aktivulo estis unika homo. Li posedis pli ol 10 lingvojn, estis aŭtoro de kelkdek sciencaj artikoloj kaj libroj, publikigitaj en diversaj landoj. Li estis honora membro de kelkaj alilandaj universitatoj kaj sciencaj societoj, agnoskita fakulo pri filologio kaj folkloro, kvankam laboris kiel ordinara instruisto en vilaĝa lernejo apud Ĉerkessk. Ĉion ĉi Sergej Mastepanov atingis memstare, ĉar en infaneco li post malpli ol duonjaro en lernejo devis forlasi ĝin kaj eklabori, akirante vivrimedojn por sia granda malriĉa familio.

Oni kelkfoje invitis Mastepanov al internaciaj sciencaj kongresoj, sed sovetia Akademio de sciencoj (tra kiu venis tiuj invitoj) ĉiam malpermesis al li partopreni, ĉar li estis ne akademiano, sed senpartia sciencisto-amatoro. Same kiel okupiĝo pri Esperanto, memstara okupiĝo pri sciencoj kaj nekontrolataj de la ŝtataj instancoj kontaktoj kun alilandaj kolegoj estis en Sovetio malaprobataj kaj danĝeraj.

Pasis 75 jaroj post la reprezalioj kontraŭ la esperantistoj, sed ĉu ni scias kaj memoras pri ĉiuj viktimoj? Mi alvokas lokajn E-klubojn laŭeble esplori kaj rememori pri E-herooj, suferintaj de la totalisma reĝimo. Tiaspeca agado povus fortigi la esperon, ke plu neniam Esperanto estos "danĝera lingvo".

***Anatolo Ivasenko (Krasnodar)***

# Bulteno de REU

**№74**. Kompilas kaj redaktas Grigorij Arosev (rete: arosev@gmail.com), redaktofino – 18.02.2013

## REU-KONFERENCO EN APRILO

Konforme al la Ĝenerala Regularo de REU, kiu en la punkto 3.2 tekstas: "La Estraro anoncas pri la dato, loko kaj proponata Tagordo de la Konferenco en la Organo de REU ne malpli frue ol tri monatojn antaŭ la dato de la Konferenco", la Estraro de REU anoncas, ke la sekva, 27-a, Konferenco de REU okazos en Moskvo la 13-14-an de aprilo 2013. Aliurbaj partoprenantoj, bezonantaj tranokton, estas bonvenaj konsultiĝi ĉe la Estraro pri la afero. Oni petas aliĝi eventualajn partoprenontojn por scii kiom da personoj planas partopreni la Konferencon. Oni povas aliĝi rete <http://www.reu.ru/kalendaro/eo>, retpoŝte <esperanto@reu.ru> kaj alimaniere (telefone k.s.).

Konforme al la punkto 3.3 de la Ĝenerala Regularo, kiu tekstas: "La Estraro en la unua Komunikaĵo pri la Konferenco invitas la membrojn kompletigi la proponitan Tagordon...", oni anoncas jenan tagordon, jam parte kompletigitan de REU-membroj:

1) Raporto de la Estraro, akceptado de la raporto;
2) Diskutado pri la perspektivoj de E-movado en Rusio, kreo kaj konfirmo de laborplano por 2013-2015;
2) Elekto de la Prezidanto;
4) Elekto de la Estraro;
5) Elekto de komisiitoj kaj respondeculoj.

Ĉiuj estas invitataj kompletigi la tagordon kaj krome anonci sin aŭ aliajn personojn kiel kandidatojn por la postenoj en la Estraro, inkluzive de la prezida posteno. Kvankam la Ĝenerala Regularo (punkto 6.4) permesas al unu homo ofici dum tri mandatperiodoj, la nuna Prezidanto Grigorij Arosev ne restos en tiu posteno, sekve REU havos novan Prezidanton.

***La Estraro de REU***

---

REU-konferenco okazos en la moskva biblioteko je la nomo de A.Ĉeĥov, sed ne en ties ĉefa ejo. Stratadreso: *Strastnoj bulvar, dom 6, strojenije 2*, metrostacioj "Ĉeĥovskaja" aŭ Puŝkinskaja". Oni eniru la arkon, kiu estas ĉe la domo 6, 1-a konstruaĵo. En la perono staros esperantistoj, kiuj helpos ne misvojiĝi tiujn, kiuj venos ĝustatempe. Okazos du kunsidoj. La unua – sabate ekde la 10:30 ĝis la 14:30. La dua – dimanĉe ekde la 12:00 ĝis la 16:00. Oni petas ambaŭtage veni pli frue je 10 minutoj. Ĉiuj aliĝintoj ricevos retpoŝte aŭ telefone lastmomentajn informojn.




***Grigorij Arosev***

**Noto de la Prezidanto**. Plej grava punkto de la tagordo estas la dua. Laŭ mi nun estas taŭga (aŭ eĉ vivbezona) momento por pridiskuti staton de la movado en Rusio kaj en la mondo, rolon de REU en ĝi, perspektivojn kaj eblecojn de/por ili (la movado kaj REU). Probable post la Konferenco komenciĝos principe nova erao en nia movado.

***Grigorij Arosev***

# REU-PREMIO: VIKTORO AROLOVIĈ

En 2010 la Estraro de Rusia Esperantista Unio lanĉis ĉiujarfinan REU-premion. Ĝin ricevas rusiaj esperantistoj, kiuj havas apartajn meritojn antaŭ la landa movado, do temas ne nur pri aktivado en/por REU.

La laŭreato en 2012 fariĝis Viktoro Aroloviĉ!

Viktor Semjonoviĉ laŭreatiĝas pro daŭra diverspostena agado en REU (kaj pli frue en SEU, ASE kaj SEJM), pro (kun)redaktado de diversaj esperantlingvaj libroj kaj periodaĵoj, pro siatempa kungvidado de la moskva E-klubo "Lev Tolstoj" kaj ankaŭ pro kontribuo en la E-literaturon pere de tradukado kaj originalaj verkoj.

La premio ne estas mona. Esenco de la REU-premio estas alia. Ĉiuj ni jarfine havas certajn dezirojn, kaj en pleja profundo de la animo ni kredas, ke Avo Frosto ja ekzistas kaj sekvajare li nepre plenumos niajn revojn. REU volas asisti Avon Froston. Tial laŭreato(j) rajtas je plenumo de unu movada deziro (ĉu helpo pri aliĝo al kongreso, ĉu abono de periodaĵo, ĉu io alia). Konkretaj deziroj estas traktataj private inter la Estraro kaj la laŭreato.

Ĉiujare estas ne pli ol du premiitoj. Sendube ni havas multajn aktivajn esperantistojn, kiuj meritas esti menciitaj. Do iom-post-iom ni provos mencii ĉiujn. Ni esperas, ke nia iniciato estos subtenata ankaŭ en la postaj jaroj.

La pli fruaj laŭreatoj estas:

**2010**

– Anatolij Ivasenko (pro vigligo de E-movado en Krasnodara regiono);

– Georgij Kokolija (pro redakta kaj eldona aktivado).

**2011**

– Andrej Grigorjevskij (pro instrua, organiza, prezida, interreta kaj redakta agado).

# REU-kotizoj por 2013

## – mecenata kotizo: 500 rubloj

*Inkluzivas ĉion de la individua kotizo (vd.sube), sed sur la membrokarto estos skribita "Mecenato de REU".*

**– individua kotizo por 2013: 250 rubloj (por eksterKSŜanoj – 25 eŭroj).**

*Inkluzivas membrokarton, Bultenon de REU en elektronika formo (laŭpete – ankaŭ en la papera) kaj aliajn informojn de REU, voĉdonrajton dum Konferencoj de REU, rabatojn en E-aranĝoj de REU. La individua kotizo validas por la kalendara jaro 2013.*

**– dumviva kotizo: 5000 rubloj (por eksterKSŜanoj – 500 eŭroj)**
*Inkluzivas ĉion de la individua kotizo dum la tuta vivo de la membro.*
**– familia kotizo: 100 rubloj**
*Inkluzivas membrokarton, voĉdonrajton dum REU-Konferencoj, rabatojn en E-aranĝoj de REU. Je familia kotizo rajtas parencoj de individuaj, dumvivaj aŭ mecenataj membroj, kiuj loĝas ĉe la sama adreso.*
**– kolektiva kotizo: 70 rubloj por ĉiu aligita membro (aliĝintaj kolektivoj pagas minimume por 5 membroj).**
*Inkluzivas po 1 ekzemplero de REGo kaj Jarlibro de REU por kolektivoj kun 10-15 aligitaj membroj (kaj por ĉiu aldona deko de aligitaj membroj), aliajn informojn de REU por la kolektivo; membrokartojn, voĉdonrajtojn en Konferenco de REU, rabatojn en E-aranĝoj de REU.* ***Se kolektivo pagas por malpli ol 10 membroj, ĝi devas aparte aboni REGon****.*
**– aliĝkotizo por novaj aŭ realiĝintaj kluboj – 300 rubloj.**
*Unufoje pagata de nova aliĝinta kolektivo. Jam aliĝintaj kolektivoj ne pagas. Nova kolektivo iĝas regiona organizaĵo de REU kaj laŭpete ricevas dokumenton pri tio. Se kolektivo ne pagas kotizojn por aligitaj membroj dum du sinsekvaj jaroj, ĝi poste devas denove aliĝi al REU.*

# Pagmanieroj

**1. Poŝta ĝiro:** 142717 Московская область, Ленинский район, п/о Развилка, до востребования, Наталье Николаевне Шороховой
**2.** En **Yandex-Dengi** oni povas pagi al la monujo 41001612527392
3. Pagi kotizon (post anticipa interkonsento) ankaŭ oni povas **persone en Moskvo**.
4. Tra **Sberbank**.
– Se vi havas propran bankan karton, emisiitan de Sberbank, vi povas ĝiri la monon rekte tra bankmaŝino (банкомат). Tiucele enigu karton, entajpu vian identigan kodon, kaj poste elektu en la menuo: "**Перевод средств**". Entajpu numeron de la karto: 6761 9600 0497 614843 kaj necesan sumon.
– Se vi ne havas karton aŭ aŭtomata ĝiro ne sukcesis, vizitu bankon kaj transpagu la monon, uzante ĉi-subajn datumojn:
Банк получателя: ОАО "Сбербанк России"
БИК 044525225, ИНН 7707083893, КПП 775003035, ОКАТО 45286580000, ДО № 0135, 121069, Москва, Поварская улица, 31/29.
Получатель: Шорохова Наталья Николаевна
Номер счёта получателя: 40817 81003 82604 04119, код подразделения 9038/00135

Bonvolu nepre konsideri, ke samtage kun la ĝiro vi devas retpoŝte aŭ telefone informi nin pri via pago (pere de la adreso **membreco@reu.ru** aŭ numeroj de estraranoj). Vi devas informi pri la ĝirita sumo kaj la nomo(j) de persono(j), por kiu(j) estas destinita la pago. Se vi ne informos nin, la mono estos konsiderata kiel anonima donaco por la kaso!

# Eksciu, ke...

## B E T – 4 9

***Litova Esperanto-Asocio invitas vin partopreni la vicajn ĉiujarajn internaciajn somerajn tradiciajn 49-ajn Baltiajn Esperanto-Tagojn (BET-49).***

**CELOJ kaj TASKOJ**: studi problemojn de Esperanto-movado, elstarigi nuntempajn ĉefajn taskojn de Esperanto-agado, interŝanĝi sperton pri esperantista laboro, perfektiĝi en Esperanto, enhavoriĉe pasigi la tempon. BET okazas ekde 1959 ĉiujare laŭvice en Latvio, Estonio, Litovio.

**LOKO**: BET-49 okazos en orientlitovia urbo regiona centro Utena, kiu estis fondita en 1261 kaj estas unu el la plej malnovaj loĝlokoj de Litovio. La urbo havas 35000 loĝantojn. Ĝi okupas 1510 hektarojn de areo, tra la urbo fluas kvar riveroj, estas du belegaj lagoj. La urbon de ĉiuj flankoj ĉirkaŭas lagoj, arbaroj kaj montetoj. Utena estas facile atingebla buse kaj aŭtomobile. BET-49 funkcios en moderne kaj bonege ekipita Kolegio de Utena. La partoprenantoj libere povos uzi ĉiujn ejojn kaj servojn de la Kolegio (salonoj, aŭditorioj, la plej modernaj teknikaĵoj, muzikiloj, multaj komputiloj kun libera reta aliro, videoekipaĵoj por internaciaj forestaj konferencoj k.s.).




**TEMPO**: BET-49 funkcios la 6-an – 14-an de julio 2013. Veni al la aranĝo eblos jam la 5-an de julio.

**GRAVE**: Esperantistoj, kiuj grave kontribuos al la programo aŭ/kaj signife helpos organize, pro loĝado (krom hoteloj) aŭ manĝado laŭelekte ne pagos.

**PROGRAMO**: tradicia, t.e. somera universitato, paroligaj kaj perfektigaj kursoj, literaturaj aranĝoj, muzikaj kaj artaj vesperoj, debatoj pri situacio kaj problemoj de Esperanto-movado en Baltiaj landoj, tradukista kurso, pedagogia seminario, seminario de klubestroj kaj aktivuloj, movada lernejo, scienc-teknikaj kaj fakaj aranĝoj, instruado de kantoj, junularaj aranĝoj, konkursoj, kvizoj, distraj programeroj, ekskursoj tra la urbo kaj aliaj apudaj vidindaĵoj, diskutoj, forumoj, libroservo, interkona vespero, diservo, baza konatiĝo kun la litova lingvo kaj kulturo, ekspozicioj, filmoj kaj lumbildoj, gazetara konferenco, sportaj ludoj, oficiala malfermo kaj fermo, adiaŭa vespero k.a..

**VIZOJ**: al Litovio senvize rajtas veni civitanoj de ĉiuj landoj de Eŭropa Unio kaj de multaj aliaj landoj. Aliaj akiru vizojn en Litoviaj ambasadejoj kaj konsulejoj en diversaj landoj. En problemaj kazoj turnu vin por helpo al Litova Esperanto-Asocio. Se necese, LEA povas sendi oficialan inviton.

**ALIAJ GRAVAĴOJ**: Ni antaŭvidas eldonon de ĉiutaga gazeto dum la tuta pe-

riodo de la aranĝo. Aktualajn informojn pri BET-49 vi povas trovi en la retejo de Litova Esperanto-Asocio <www.esperanto.lt>.

**ALIĜ- KAJ KONTAKTADRESO**: p.k. 167, LT-44287 Kaunas, Litovio, Litova Esperanto-Asocio. Poŝtelefonoj de LEA: +370-687-12219 kaj +370-686-69875. Telefakso: +370-37-228616. Retadresoj de LEA: <litova.ea@mail.lt>; <pjegorovas@takas.lt> kaj <irenaa@takas.lt>.

**BONVENON AL LITOVIO !**

***Organiza komitato***

## NASK 2013

La Nord-Amerika Somera Kursaro (NASK) – la plej malnova Esperanto-kursaro en Norda Ameriko (kun pli ol 40-jara historio!) kaj unu el la plej bonaj en la mondo – bonvenigas vin ĉi-jare en Nord-Karolino! NASK estas unika kleriga evento, kiu altiras lernantojn de ĉiuj lingvoniveloj kaj ankaŭ profesiajn Esperanto-instruistojn de la tuta mondo. Kiel en la lastaj du jaroj, ankaŭ NASK-2013 prezentas mallongan sesion, ĉi-foje en Raleigh, la ĉefurbo de Norda Karolino. Alveno la 26-an de junio kaj foriro la 5-an de julio – jen ok tagoj da lernado, amuziĝo kaj esplorado de la belegaj muzeoj, variaj restoracioj kaj registaraj konstruaĵoj en Raleigh, ĉio en promendistanco de la kampuso.

La internacia teamo konsistos el István Ertl (Hungario), Derek Roff (Usono) kaj Lee Miller (Usono), kaj okazos tri kursniveloj. Hoss Firooznia estos la help-instruisto kaj gvidos la eksterklasajn programojn. Ĉi-jare la studentoj povos resti post NASK por partopreni en la landa kongreso de Esperanto-USA (la 5-an – 8-an de julio, ĝi okazos en la sama kongresejo kaj loĝejo). Por partopreni la landan kongreson bv. fari la necesan aranĝojn ĉe <http://www.esperanto-usa.org/>.

La ĝenerala kotizo por NASK 2013 (kursoj, loĝado kaj manĝoj) estas 725 USD antaŭ la 22-a de marto kaj 775 USD poste (specialaj prezoj por lokanoj!). Oni loĝos en dupersonaj ĉambroj (kun la banĉambro dividita kun alia dormoĉambro; por loĝi en aparta ĉambro, alpagu 180 USD). Stipendioj haveblas por plentempaj studentoj kaj instruistoj, kaj ankaŭ por loĝantoj de Latin-Ameriko.

Bv. kontakti Ellen M. Eddy, la administranton (<eddyellen@aol.com >), por pli da informoj, aŭ vizitu NASK-retejon: <http://esperanto.org/nask/>.

***esper-inform***

## KALLE KNIIVILÄ EN LA APRILA MALFERMA TAGO

Unu el la plej konataj esperantistaj ĵurnalistoj, Kalle Kniivilä, estos la ĉefgasto en la 38-a Malferma Tago de la Centra Oficejo de UEA sabaton, la 27-an de aprilo. Kniivilä estis estrarano de UEA pri informado en 1998-2001 kaj tiam redaktis la dokumenton *Gvidlinioj por informado pri Esperanto*, kiu aperas komence de la Jarlibro de UEA. Nuntempe li estas konata unuavice kiel redaktanto de la populara retbulteno *Libera Folio*, kiun li lanĉis en aprilo 2003. Kniivilä faros en la tago du prelegojn. Unu el ili temas pri specifaĵoj de la Esperanta gazetaro, dum en la alia li parolos pri tio, kio en la fenomeno Esperanto povus interesi profesiajn ĵurnalistojn.

En la programo estos krome libroprezentoj kaj filmoj. Krom specialaj ofertoj, la

vizitantoj povos profiti ĝeneralan sesonan rabaton en la libroservo, butikumi en la bazaro de esperantaĵoj kaj gajni premion en senpaga loterio. Kafo kaj teo, same senpagaj, estos varmaj la tutan tagon. La programo daŭros de la 10-a ĝis la 17-a horo.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

## LA FRANCA E-KASTELO GREZILJONO INVITAS AL...

... staĝo ***PRINTEMPaS*** kun intensivaj kursoj, internaciaj KER-ekzamenoj, seminario pri interkultura komunikado: de la 20-a de aprilo ĝis la 1-a de majo 2013 => <gresillon.org/printempo>.

... laŭtema SOMERA programo (de la 6-a de julio ĝis la 17-a de aŭgusto 2013 => <gresillon.org/somero>):

– Turisma semajno kun tuttagaj ekskursoj + Art-amatora semajno + Alternativa MOJOSejo;

– Festa semajno por infanoj kaj familioj + Teatra aktora Semajno.

Kontaktoj: MCE Grésillon, 49150 St. Martin d’Arcé, France; tel. +33-2-41891034, <kastelo@gresillon.org>, <www.gresillon.org>.

***Bert Schumann (Francio)***

## AFRIKA KONGRESO DE ESPERANTO

En Afriko agas 18 landaj Esperanto-asocioj, el kiuj 8 jam estas aliĝintaj al UEA. La movado viglas en tiu kontinento, sed unuamondanoj eble ne sufiĉe konscias pri tio, ĉar malmultaj afrikanoj sukcesas atingi UK-ojn aŭ aliajn kunvenojn ekster Afriko. Solvo de tiu problemo estas do kongresi en Afriko mem. Komence de la 90-aj jaroj okazis kvar Afrikaj Kongresoj de Esperanto, sed la lasta el ili okazis en 1995, do jam en fora pasinteco. Venis do la tempo por la kvina.




Tri establoj intense ekkunlaboris por okazigi la 5-an Afrikan Kongreson de Esperanto en Kotonuo, Benino, de la 29-a de decembro 2013 ĝis la 4-a de januaro 2014: Afrika Komisiono de UEA, Asocio de Beninaj Esperantistoj kaj la ne-registara organizaĵo Scio Sen Bariloj. Aparte pozitiva fakto estas, ke la kunordiganto de la Afrika Komisiono de UEA, s-ro Adjé Adjévi loĝas en Lomeo, Togolando, kaj povas atingi Kotonuon relative facile por renkonti la beninajn kolegojn kaj aktive partopreni la laboron de KOKo.

Per partnerado kun nordaj Landaj Asocioj la organizantoj esperas, ke po unu reprezentanto de ĉiuj landaj asocioj afrikaj sukcesos partopreni la kongreson. KOKo bonvenigos ankaŭ eksterafrikanojn partopreni, por ke tiu nekutima kaj valora aranĝo fariĝu ankaŭ kiel eble plej tutmonda.

Informoj pri la kongreso troviĝas en la retejo <www.esperanto-afriko.org>.

Fotoj kaj dokumentoj jam abundas en <http://mirejo3.blogspot.com>. Krome, la UEA-vikio raportas pri la evento. Diversaj interesaj ekskursoj ebligos al ne-beninanoj ekkoni Beninon kaj al ne-afrikanoj ekkoni parteton de Afriko.

La informa organo de AKE nomiĝas *Kotona Gazeto*, kies tria numero estas nun preparata. La retadreso de KOKo estas <ake-2013@yahoogroups.com>.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

## FORPASIS TELESFORAS LUKOŠEVIČIUS



La 18-an de februaro forpasis la litova esperantisto s-ro Telesforas Lukoševičius. Li naskiĝis la 30-an de junio 1926. Post pedagogia instituto li studis en la Litova Agrikultura Akademio. Li laboris en mezlernejo, ekde 1963 – en agrikultura teknikumo, kaj ekde 1975 ĝis la emeritiĝo – en hidraŭlika teknikumo. En 1993 li ekzameniĝis ĉe Akademio Internacia de la Sciencoj San Marino kaj fariĝis ĝia asociita membro.

Lukoševičius lernis Esperanton en 1960 kaj post tio konstante gvidis kursojn. En Joniškėlis li fondis lokan grupon kaj gvidis ĝin kaj ankaŭ aliajn grupojn. Li prelegis, organizis ekspoziciojn k.a. aranĝojn, aktivis en instruistaj rondoj, fondis Esperantajn koruson kaj teatron, kaj informis pri Esperanto. Por la peticio de UEA al Unuiĝintaj Nacioj en 1966 li aktive kolektis subskribojn. En la 10-a Balta Esperanto-Tendaro en 1968 li fariĝis membro de la interrespublika metodika pedagogia komisiono pri Esperanto-instruado.

De 1988 gis 2003 Lukoševičius estis estrarano de Litova Esperanto-Asocio. Li okupiĝis ankaŭ pri esperantigo de litova beletro. En 1991 li fondis, kun sia edzino, eldonejon, ĉe kiu aperis dudeko da diversaj libroj. En 1999 Litova Esperanto-Asocio donis al li Honoran Dankfolion. En 2005 li estis elektita Honora Membro de UEA.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

## KLUBA EJO EN KRASNODAR

Nia Krasnodara E-klubo ricevis senpagan ejon por la kunvenoj. Tio estas ĉambro kun 20 sidlokoj en Junulara centro de Krasnodar. La centro ekfunkciis en decembro de 2012, tie jam estas organizitaj ĉirkaŭ 90 diversaj junularaj kluboj, inter kiuj estas “junulara klubo “Esperanto””. Ni havas tri horojn ĉiudimanĉe en la ĉambro, oficialan statuson, rajtas organizi ekspoziciojn, prelegojn pri Esperanto kaj senpagajn kursojn de la internacia lingvo por dezirantoj en la aĝo de 14 ĝis 30 jaroj. Kiel prezidanto de krasnodara junulara klubo “Esperanto” estas elektita Anton Jabĉinskij – 28-jara aktivulo, kiu estas ankaŭ sekretario de la urba E-organizaĵo.

***Anatolo Ivasenko (Krasnodar)***

## *Aleksandr Ĥarjkovskij*

# VOLF MESSING – PROFETO EN SIA PATROLANDO



Ne estas io pli malfacila, ol gvidi ekskursojn por diverslingvaj partoprenantoj. Helpas nek interpretista sperto, nek posedo de la rusa kaj de la angla lingvo, kiun mi, interalie, instruas.

Sidas en la buso usonaj kaj rusaj judoj. Mi rakontas pri Volf Messing, fenomena persono. La rusaj judoj aŭskultas kun retenita spiro. Sur la vizaĝoj de la usonanoj – senkredaj ridetoj. Unu el ili elbuŝigas: “Tall story”. Kaj tuj demando de iu el la rusaj: “Kion li diris?”. Mi tradukas: “Fabelaĵo, elpensaĵo, pli krude – mensogaĉo”.

– Sed diru ja al li, ke mi ne nur vidis Volf Grigorjeviĉ Messing, sed estis lia amiko.

– Kaj ni estas liaj parencoj.

Evidentiĝas, ke en la buso estas multaj amikoj kaj parencoj de Messing. Kaj al mi jam estas ĝene rakonti, ke ankaŭ mi konis tiun mirindan homon.

Unuafoje mi aŭdis pri li de mia lerneja instruisto, Boris Iljiĉ Ĥutoreckij, loĝanta nun en Bostono. Antaŭ pli ol duonjarcento li, studento de la Odesa universitato, foje ekvidis en tramo afiŝon, nur du vortojn: “Venas Messing”. Neniu konis tiun ĉi nomon en Odeso, nek ekster ĝi. Sed ĝi sonis kiel Mesio, kiun la loĝantoj de la juda urbo atendis, antaŭsentante la plej sangan el militoj. Kaj kiam oni anoncis koncerton de Messing, en la salono de la filharmonio ĉe Puŝkin-strato kolektiĝis, ŝajne, duono de la loĝantaro. Sed meze de la prezentado oni mallevis la kurtenon, kaj oficistoj de la Komitato de ŝtata sekureco forveturigis la gaston, laŭ onidiroj, direkte al la flughaveno, kie li, kiel endas al magiistoj, leviĝis al la ĉielo. Ĉio ĉi evidentiĝis pura vero, se aldoni, ke tie li aperis antaŭ la okuloj de dio, nur ne ĉiela, sed tera.

La pollanda civitano, pli ĝuste dirante rifuĝinto el okupita de Germanio Pollando, estis sendita aviadile en Moskvon. De tie oni veturigis lin en eksterurban bienon. Pordo malfermiĝis, kaj en la ĉambron eniris… Stalin.

– Kio vi estas kaj kial venis ĉi tien?

– Mi estas pollanda judo kaj rifuĝis de nazioj.

Stalin sulkis la vizaĝon – li ne ŝatis aŭdi malbonajn opiniojn pri sia aliancano

Hitler. Ankaŭ li mem, kiel oni sciis, ne estis amiko de judoj.

– Vi estas tre soleca, kamarado Stalin, – rapidis ŝanĝi la temon Messing. – Voku min en malfacila minuto – mi povos helpi vin. Interalie, mi jam foje portis vin en manoj.

Stalin demande levis la brovon.

– Mi portis vian portreton dum manifestacio.

– Sed vi aldone estas ŝercemulo. Venu morgaŭ al mi en Kremlon, – diris Stalin. Senceremonie, kial bezonatas paspermeso? Tie ni interparolu.

Sekvatage Messing penetris en Kremlon preter la gardistaro. Li anoncis sin kaj estis enlasita en la kabineton de la gvidoro, kie ĉirkaŭ la tablo jam sidis "portretoj".

Stalin prezentis Messing.

– Kaj nun montru, kion vi scipovas fari.

– Mi multon povas, se oni kredas al mi. Kiel vi, ekzemple, kamarado Stalin. Sed ĉe la tablo sidas polickomisaro, – Messing montris al Berija. – En lia ĉeesto mi labori ne povas.

– Lavrentij, iru malantaŭ la pordon! – ordonis Stalin. – Kaj nun, sinjoro Messing, prezentu al ni ion gravan por la partio, por la popolo.

Messing komprenis: estas decidata lia sorto. Kaj li komencis legi la pensojn de la gvidoro. Antaŭ li pasadis bildoj: jen Stalin kaj ankoraŭ unu kaŭkaziano (tiu estis Ter-Petrosjan, kiu havis la kromnomom Kamo) prirabas bankon kaj forkuras kun sako da mono. Kamo estas kaptita, kaj Stalin kaŝas sin en restoracieto en Tbilisi.

– Mi povus rekvizicii la monon en la ŝtata banko, se vi fidos al mi, kamarado Stalin.

– La partio al vi tion komisias, – diris Stalin, sed Messing aŭdis alian voĉon – la voĉon de Lenin. Antaŭ multaj jaroj la fondinto mem benis sian helpanton al "ekspr-oj" – tiel oni nomis rabadon de bankoj por ricevi "partian monon".

Estis aranĝita komisiono. Messing alveturis centran bankon ĉe Neglinnaja-strato, akompanate de komisionanoj, eniris la ejon kaj prezentis al la kasisto puran paperfolion, postulante enmanigi cent mil rublojn. La sumo laŭ tiamaj tempoj estis enorma. Antaŭ la enmanigo la kasisto devis skrupule kontroli la dokumentojn. Sed Messing mense diktis al li kion fari, kaj, enmetinte la monon en la tekon, ekveturis al la Kremlo. Kiam freŝpresitaj pakoj de mono kuŝiĝis sur la tablon de Stalina kabineto, la gvidoro petis Messing eliri.

– Nu, kion vi pensas tiuteme?

– En la banko ĉe Neglinnaja sidas malamikoj de la popolo, – rimarkis Berija, – kaj Messing estas suspektinda homo. Mi ekokupiĝu pri li.

– Se vi pensas, ke tiu, kiu pli saĝas ol vi, jam danĝeras, do vi sidas ne sur via loko. Se eĉ haro falos de la kapo de tiu ĉi homo, vi perdos vian kapaĉon, – Stalin, kvazaŭ per tranĉilo, movis manrandon ĉe la gorĝo. – Vi min, Lavrentij, konas...

Ĉi tiujn kaj aliajn faktojn el la vivo de Volf Grigorjeviĉ Messing, magiisto kaj profeto, mi eksciis dum lia jubilea vespero en Moskva esperantista klubo, kiu situis en la Domo de medicinistoj en Moskvo, ĉe Gercen-strato, 19.

Volf Grigorjeviĉ ne nur brile posedis la lingvon Esperanto, sed ankaŭ konis familion de la fondinto de tiu ĉi lingvo – doktoro Zamenhof, pola judo. Messing estis lia amiko, amikis ankaŭ iliaj familioj, dividintaj komunan tragikan sorton en

Varsovia geto. Kaj subite li komprenas, ke Zoja Miĥajlovna, kuznepinon de doktoro Zamenhof, atendas malfacila operacio, kiu povas finiĝi nur per morto.

Zoja, mia bona konatino, estis kvazaŭ la lasta ĝermo sur pereigita arbo de Zamenhof-familio. Same kiel Volf Grigorjeviĉ en la familio de Messing. Kaj Messing rapidis ŝin savi. Messing venis por mi per taksio kaj ni iris al la Unua Urba malsanulejo, kie kuŝis Zoja Zamenhof. Parolinte kun Zoja, Messing diris al kuracistoj: "Oni denove faru analizojn kaj elhospitaligu la homon."

Ĝuste tiel okazis: la sekvan tagon kuracistoj ne trovis ĉe ŝi eĉ spurojn de malsano, kaj ŝi bonsanis ankoraŭ 34 jarojn.

Tio estis nur unu el mirakloj, kiujn faris Messing. Kaj mi ekde tiam havis kun li amikajn interrilatojn. Nin kunigis la lingvo de Zamenhof, en kiu ni parolis kaj vidal-vide, kaj telefone. Ni nomis unu la alian "kara samideano". Kaj ĉar esperantistoj en USSR konstante estis persekutataj (dum Stalina tempo oni ilin eĉ neniigis en GULAG) – jen ni estis pelataj el la kluboj, jen estis malpermesataj someraj tendaroj, – ni multfoje turnis nin por la subteno al Messing. Tio ne malofte helpis.

Kaj jen foje la helpon bezonis Volf Messing mem. En la jaro 1961 lin vokis al si Nikita Ĥruŝĉov. Estis preparata la 22-a kongreso de la partio, dum kiu, kiel estas sciate, oni decidis elporti la korpon de Stalin el la Maŭzoleo. Ial por tio Ĥruŝĉov bezonis benon de transmondaj fortoj.

– La partio petas vin, senpartian bolŝevikon, helpi al ni. Elpaŝu dum la kongreso kaj diru, ke en sonĝvizioj al vi venadas Lenin kaj petas forpreni la kadavron de Stalin el la Maŭzoleo.

– Pardonu, Nikita Sergejeviĉ, sed mi ne komunikiĝas kun la mondo de mortintoj. Kaj ĝenerale mi ne kredas je spiritismo.

(Enmiksiĝo de transmondaj fortoj en partiajn aferojn tamen okazis. Dum la 22-a kongreso elpaŝis maljuna bolŝevikino Darja (Dora) Lazurkina kaj diris la jenon: "En la sonĝoj al mi ofte venas Iljiĉ kaj diras: "Por mi estas malagrable kuŝi en la Maŭzoleo apud Stalin: li faris tiom da malbono"". La gazeto "Izvestija", presinta raportaĵon el la kongreso, rimarkis, ke la publiko akceptis la deklaron de Lazurkina kun tondraj aplaŭdoj.)

Messing forlasis la Kremlon, sed ekde tiu ĉi tago okazadis al li etaj kaj grandaj malagrablaĵoj: jen oni rifuzas al li elpaŝi en prestiĝa loko, jen evitas honortitoli. Kaj nelonge antaŭ unu el liaj jubileoj eĉ ne troviĝis teatro aŭ almenaŭ klubo, kie li povus festi la datrevenon. Ni, esperantistoj, sukcesis lui por tio grandan aŭlon de la Domo de medicinistoj, kie lokiĝis nia Internacia Esperanto-klubo.

Oni honoris Volf Grigorjeviĉ kaj kiel kuraciston, kaj kiel esperantiston. Al la jubileo estis invitita ekssekretario de la Centra Komitato de belorusa komunista partio P.K.Ponomarenko, iĝinte poste membro de la Politburoo. Ponomarenko jam emeritiĝis kaj povis rakonti pri kunvenoj de Messing kun Stalin kaj lia ĉirkaŭo.

Estis tie ankoraŭ du miaj amikoj, danke al kiuj mi komencis pli ofte komunikiĝi kun Messing – Paĥomova Margarita Gavrilovna, kuracisto, proksima al Messing homo, kaj Miĥail Vasiljeviĉ Ĥvastunov, estro de scienca fako en "Komsomoljskaja pravda" ("Komsomolka"), kiun mi konatigis kun Messing.

Ĥvastunov verkis ĝis nun nepublikigitan libron pri Messing "Homo nur kun si

mem". Mi fojfoje ĉeestis interparoladojn de la aŭtoro kun protagonisto de la libro. Ĝuste de tie mi scias pri la vivo de Messing antaŭ lia alveno en Rusion.

Naskiĝis Messing en Polio, en malgranda juda urbeto, en la jaro 1899. Lia familio estis ortodokse religia, kaj li ekde infaneco studis Toraon kaj Talmudon. Iam, survoje al butiko, ia ombro kovris lin, kaj li ekaŭdis la voĉon: "Knabo, mi estas sendita al vi de la Plejsupra. Vi estas elektita por savi nian popolon. Iru, lernu en jeŝivo!".

Volf svenis. Okazis granda konsterniĝo de tuta lia sino, psiko. Li komencis lerni en jeŝivo, sed ia forto puŝis lin en la grandan mondon. Foje li fuĝis el la lernejo kaj saltis en la stacio en la unuan preterveturantan trajnon, irantan, kiel evidentiĝis, en Berlinon.

Monon por bileto la fuĝinto ne havis, kaj li kaŝiĝis sub la breto. Kiam venis biletkontrolisto, Volf etendis al li iun kartonpecon. Tiu truis ĝin per truilo kaj diris: "Strangulo, vi ja havas bileton, tamen kaŝiĝas".

Messing jam tiam eksentis, ke li havas hipnotigan forton. Sed definitive tio klariĝis kiam li, laborante kiel kuriero en Berlino, falis kaj svenis. En malsanulejon oni lin transportis jam senspiran. Tamen la fama en Germanio kuracisto Abel ne nur revivigis la junulon, sed ankaŭ malkovris liajn telepatiajn povojn.

Volf komencis elpaŝi en cirko, kaj en libera tempo promenadis en bazaro, legante pensojn de homoj: ŝajnis, iliaj kapoj estis por li travideblaj kiel vitro.

Neordinarajn povojn de Messing esploradis elstaraj intelektuloj: A.Ejnŝtejn, S.Freud, R.Tagore. Kaj ili ĉiuj venis al la konkludo: tiu ĉi homo estas miraklo, kiun en nuna stato de scienco oni ne povas klarigi.

Sed Messing ne estis ordinara artisto. Elpaŝante en teatroj, li tre ofte aŭdis en si mem la voĉon el infaneco: "Vi estas alvokita savi nian popolon".

En 1933 en Germanio prenis la potencon Hitler. Ondo de antisemitismo leviĝis tra la tuta Eŭropo. Kaj kiam Messing, laŭ peto de la pola grafo Ĉertorijskij, trovis briliantan broĉon, kostantan ĉirkaŭ milionon da zlotoj, li rezignis de pagendaj al li 200 mil zlotoj, petante la grafon per sia influo devigi sejmon abrogi la leĝon, rompantan judajn rajtojn. Kaj Ĉertorijskij plenumis lian peton.

Sed la plej granda danĝero por judoj venis el Germanio. Tie oni jam promulgis rasismajn Njurnbergajn leĝojn, preparis la pogroman "kristalan nokton". Messing vidis teruran estontecon, kvazaŭ ĝi jam iĝis nuneco.

En la jaro 1937 en unu el teatroj de Varsovio Messing deklaris: "Se Hitler iros milite al Oriento, lin atendos pereo".

Serioze la profetaĵon traktis, ŝajne, nur Hitler mem. Li havis sian aŭguriston, iun Gaŭssen, judon, kiu estis prototipo de heroo de la romano de Lion Feuchtwanger "La Fratoj Laŭtenzak". La profetaĵoj de du judoj estis riceproke kontraŭaj, kaj Hitler decidis puni komence Gaŭssen, poste – Messing. Gaŭssen estis mortigita, kaj la kapon de Messing oni prezigis je 200 mil markoj.

Post la falo de Varsovio Messing trafis en la manojn de faŝistoj. Oni lin identigis, sendis en Gestapon. La morto spiris en lian vizaĝon. Kaj tiam li mense ordonis al ĉiuj gestapanoj kolektiĝi en unu el la ĉambroj kaj preteratenti lin. Li mem, buliĝinte, elglitis el la konstruaĵo mallaŭte, kiel muso. Vojaĝante nokte foje per

ĉaroj, foje per boatoj, li transiris la sovetian limon.

Estis aŭtuno de la jaro 1939. Rusio kaj Germanio estis aliancanoj. Ŝajne, tial Sovetunio nevolonte akceptis polajn judojn. Des pli multe da suspektoj vekis Messing – la judo, aldone leganta fremdajn pensojn. Tamen komence, rememoris dum la jubilea vespero Ponomarenko, la registaro ial preteratentis Messing kaj la lasta sukcesis organizi koncertojn.

La koncertejoj, kie elpaŝis Messing estis plenŝtopitaj. Spektantojn interesis ne nur liaj psikologiaj eksperimentoj, kvankam tiam ili estis novaĵo, sed antaŭ ĉio – profetaĵoj. Ĉu estos milito kaj kiam? Se jes, do kiu venkos? Kaj kio okazos al ili, al la spektantoj?

Messing respondis liajn demandojn, aŭguris proksimiĝantan militon kontraŭ Germanio. Post tiaj elpaŝoj Messing estis ne malofte arestita kiel "provokanto". Tiam Messing petis telefoni al Ponomarenko, al kiu Stalin komisiis esti lia patrona anĝelo. Ekde tiu tempo, rememoris Ponomarenko, kiam al Messing io okazis, mi respondis, ke Messing ĝuas la personan fidon de kamarado Stalin. Superfluas aldoni, ke tio servis kiel sekurletero.

Berija, tamen, ne forgesis la humiligon, kiun li suferis en la ĉeesto de Messing. Kaj li decidis kompromiti la telepatiulon. Nelonge post la dua renkontiĝo kun Stalin en la loĝejo de Messing eksonoris telefono:

– Volf Grigorjeviĉ? Kamarado Stalin invitas vin morgaŭ al sia somerdomo.

Kaj ĉio. Neniu adreso, neniu paspermeso.

La sekvan tagon, kiam Stalin laboris ĉetable en la somerdoma ĝardeno, li tre miris, ekvidinte la gardistojn enlasi al li malaltan homon, kiun li ne invitis. Tiu estis Messing.

Stalin paliĝis pro kolero:

– Kiel vi tien eniris? Ne, komence vi diros, kiel...

– Min invitis Berija. Mi iris, mense komunikante al la gardistaro: "Mi estas Berija, mi estas Berija". Ĉu iu aŭdacos haltigi persone kamaradon Berija?

– Vi ja efektive estas danĝera homo, Lavrentij pravas. Mi pro vi havas malagrablaĵojn kun Hitler. Vi aŭguris antaŭ la militistoj, ke vi vidas, kiel sovetiaj tankoj enveturas Berlinon. Kaj germana ambasadejo sendis proteston – ni ja estas aliancanoj… Ĉu vi vere opinias, ke ni militos kontraŭ Germanio?

– Jes, kaj tre baldaŭ, kamarado Stalin.

– Vin ensendis Ĉerĉil. Estas li kaj vi, judoj, kiuj deziras militon.

– La milito estas neevitebla. Kaj komenciĝos ĝi en la lasta dekado de junio.

– Eraro kostos al vi la kapon. Vi rajtas foriri, kaj ne risku plu profeti. Mi malpermesas.

La milito komenciĝis la 22-an de junio 1941. Stalin trafis prostracion. Al li oni neniun allasis. Kaj tiam Messing mem venis al li, sen alvoko.

Al la komenco de julio li sukcesis rekonsciigi la gvidoron, kaj tiu alparolis la popolon per radio. Kaj Messing forveturis el Moskvo – malproksimen de la tirano. Li elpaŝis en ariero kaj ĉe frontoj, nomo lia tre ofte aperadis en gazetoj. Ĉu li renkontiĝis kun Stalin, ĉu li helpis al la gvidoro tiutempe – al mi ne estas konate. Mi scias, ke Stalin favoris al Messing: kiam kontraŭ mono de Messing estis kon-

struita ĉasaviadilo, la gvidoro sendis al li telegramon.

Tutan tiun tempon Messing penis "ne elŝoviĝi", alivorte ne okupiĝi pri profetado, des pli – publike. Sed somere 1943 li rompis sian vorton.

Estas sciate, ke Stalina antisemitismo ekis influi la situacion ne post la fino de la milito, sed ĝuste en ĝia kulmino. Judajn oficirojn oni komencis eksigi el la armeo, sendi en prizonojn. Stalin konsideris ilin ĉiujn kiel agentojn de Usono. Kaj kvankam Usono estis tiam aliancano, la diktatoron obsedis la ideo, ke usonanoj intencas loki la trupojn apud Noriljsk kaj helpe de multnombraj malliberuloj de GULAG okupi tiun ĉi riĉan je subteraj resursoj distrikton. Kaj sekvante tiun paranojan ideon, li ordonis plilongigi la fervojon, irantan de centro de la lando al Peĉora, ĝis duoninsulo Tajmir. Por tio li bezonis kromajn milionojn da konstruistoj. La problemon li emis solvi, sendante al la Nordo centmilojn da homoj, samokaze neniigante la tutan judan popolon.

Pri tiuj ĉi planoj rakontis al mi Semjon Podkaminer, kolonelo de NKVD (*Nacia komitato de internaj aferoj*) de Leningrada fronto. Sciis pri tio, kompreneble, ankaŭ Messing. Jen kial, vekinte kontraŭ si koleron de Stalin, li publike deklaris en la teatro "Ruĝa torĉo" en Novosibirsk, ke la milito finiĝos per venko printempe 1945. Tamen nur sub unu kondiĉo, pri kiu li diros nur persone al Stalin.

Stalin tuj vokis Messing al si en Moskvon:

– Mi ja malpermesis al vi profeti. Kaj krome – ni ĵus disbatis la germanojn apud Kursk kaj Orjol, kaj vi diras, ke la milito daŭros ankoraŭ du jarojn.

– Eble eĉ pli longe. Sed tio dependas de vi. Lasu la planojn pri konstruado de la fervojo ĝis Tajmir. Kaj ĉion rilatan al ili.

– Kies agento vi estas? – demandis Stalin, kaptante Messing je gorĝo. – De Hitler aŭ de Ĉerĉil?

– Celu pli supren. De Li. Estis voĉo al mi – savi mian popolon. Kaj al vi helpi ĉe la fino de via vivo. Kiam vi restos sola, sen amikoj, sen kuracistoj.

Li venis al Stalin post dek jaroj, kiam post la aresto de judaj kuracistoj Stalin senigis sin je medicina helpo.

Estis tempo de senbrida disvastiĝo de antisemitismo. La gvidoro ĉe la sojlo de la morto ekokupiĝis pri la "definitiva solvo de la juda demando". Savi rusiajn judojn povis nur morto de la tirano. Kaj jen, la 5-an de marto, ĉe la juda festo Purim, venis "granda formorto".

Subita morto de la tirano daŭre restas la enigmo. Pro kio forpasis sana homo, neniam kuracata kaj nelonge antaŭ la morto vizitinta ŝvitbanejon? Estas sciate, ke li drinkadis kun la membroj de Politburoo, kaj poste enŝlosiĝis en unu el la ĉambroj, kien neniu rajtis eniri. Kaj kiam oni lin trovis, li estis jam mortanta.

Min atingis la rakonto de Messing pri la forpaso de Stalin.

– Ci por la viaj pledas, por la judoj. Vi ĉiuj estas malamikoj de la popolo. Vin atendas la sama sorto. Kaj ankaŭ cin, judaĉo. Aĥ jes, ci ja aŭguras estontecon. Ĉu ci scias, kiam ci mortos?

– Post vi, kamarado Stalin.

– Do, ci scias, kiam mi mortos?

– Tre baldaŭ – ĉe juda festo. Se estos labora tago, la judoj ĉiaokaze deklaros ĝin

festo. Cetere, hodiaŭ estas Purim, la tago, kiam mortis malamiko de la judoj Aman. Ĝustas la tempo ankaŭ por vi morti, kamarado Stalin.

La okuloj de Stalin elkaviĝis pro timo. Li malfermis la buŝon, sed krio lia estis sensona. Kaj subite palpebroj liaj iĝis pezaj. Stalin falis sur tapiŝon.

Tie, sur la tapiŝo oni lin trovis 20 horojn poste, mortantan, kaj translokis lin sur sofon.

Parolkapablo plu neniam revenis al li. Kaj la radio daŭre mensogis, ke la gvidoro estas viva kaj li havas fibrilacian aritmion. Pri la morto oni anoncis pli poste.

Messing foriris el la somerdomo same nerimarkeble kiel li venis tien. La afero de tuta lia vivo estis finfarita.

Margarita transdonis al mi la rakonton de Messing, demandinte, ĉu vero estas, ke Stalin mortis ĉe Purim. Mi konsultis kalendaron – ĝuste tiel ĉio okazis.

Dum la interparolo kun Messing mi petis lin ripeti la rakonton pri la morto de Stalin. Li diris: "Mortigi la tiranon, savi sian popolon – estas granda micvo. Mi faris tion. Venos tempo, vi forveturos por ĉiam el tiu ĉi lando, vivos trans la oceano. Eĉ ne penu rakonti al iu tiun ĉi historion. Tutegale neniu kredos vin."

Pasis multaj jaroj, realiĝis ankoraŭ unu profetaĵo de Messing – mi loĝas en Usono. Kaj mi decidis skribi pri tio, kion mi aŭdis – por sampatrujanoj, ne por usonanoj. La lastaj ja eĉ ne kredas, ke vivis en Rusio la miraklisto nomiĝanta Volf Messing.

***VESTNIK, vol. 6.1, num. 5 (81), la 8-a de marto 1994***
***el la rusa tradukis la anoj de la literatura rondo "Verda Lampo" ĉe la Moskva E-Asocio "MASI": Julija Samsonova, Nikolaj Nikulin, Dmitrij Karjakin, Marina Itpekova, Aleksandr Vikulov, Galina Terentjeva, Oleg Ĉajka, Irina Gonĉarova***

## FORPASIS BELKA BELEVA (1927–2012)



Belka Beleva, Honora Membro de UEA, mortis la 22-an de decembro en Sofio. Ŝi naskiĝis la 29-an de januaro 1927 kaj esperantistiĝis en 1957. En 1958 ŝi estis unu el la kunfondintoj de Bulgara Esperanto-Teatro kadre de Bulgara Esperanto-Asocio (BEA). Kun sia edzo Anani Anev (1916-1992) ŝi prezentiĝis ankaŭ duope sub la nomo AABB. Ŝi partoprenis ankaŭ en la fama Internacia Arta Teatro, kiu funkciis de 1957 ĝis 1969.

Beleva aktoris en multaj kongresoj de BEA, dek kvin Universalaj Kongresoj, kvar IFEF-kongresoj, tri IJK-oj, naŭ festivaloj de Esperanto-teatro kaj multaj aliaj lokaj kaj internaciaj aranĝoj. Ŝi estis prezidanto de Sofia Esperanto-Societo (1979-1981), prezidanto de la Virina Komisiono de BEA (1975-1986) kaj membro de la Virina Komisiono de UEA (1978-1982). Dum multaj jaroj ŝi voĉlegis la revuon *Bulgara Esperantisto* por blinduloj. En 1986 aperis ŝia aŭtobiografio *Teatro sen lingva bariero*. En 1996 ŝi estis elektita kiel Honora Membro de UEA. Ankaŭ BEA elektis ŝin honora membro.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

# JUBILEAJ DATOJ DE LA JARO 2013

*Nikolaj Borovko* (1863-1913) – 150 jaroj
*Anna Ŝarapova* (1863-1923) – 150 jaroj
*"Metropoliteno"* de Vladimir Varankin – 80 jaroj
*La 1-a Internacia Junulara Kongreso* – 75 jaroj
*Boris Granat* – 65 jaroj
*"Aktuale"* (1973-1979) – 40 jaroj
*SEJM-2* – 25 jaroj
*EoLA* – 25 jaroj



***Magomet Isajev***

01.01 – *Lev Medvedev* – 65 jaroj
05.01 – *Adamo Jodko* (1893-1938) – 120 jaroj
19.01 – *Andrej Obrezkov* – 50 jaroj
29.01 – *Sergej Paĥomov*
31.01 – *Nikolaj Zubkov* (1918-2006) – 95 jaroj
04.02 – *Natalia Aroloviĉ* – 60 jaroj
09.02 – *Aleksandr Koroleviĉ* (1913-1995) – 100 jaroj
14.02 – *Abduraĥman Junusov* – 65 jaroj
16.02 – *Valerij Ŝadrin* (1913-2008) – 100 jaroj
17.02 – *Lena Karpunina* – 50 jaroj
25.02 – *Viktor Kulakov* – 55 jaroj
03.03 – *Valerij Perikov* – 50 jaroj
04.03 – *Ljudmila Novikova* – 60 jaroj
05.03 – *Magomet Isaev* (1928-2011) – 85 jaroj
13.03 – *Ljubovj Maleĵ* – 60 jaroj
19.04 – *Oĉjo Ĉajka* (Dadaev) – 40 jaroj
07.05 – *Vladimir Sudakov* – 80 jaroj
08.05 – *Gennadij Jaskov* – 75 jaroj
10.05 – *Andrej Grigorjevskij (Ananjin)* – 50 jaroj
15.05 – *Rimma Roganova* – 75 jaroj
19.05 – *Zinaida Semjonova* (1903-1979) – 110 jaroj
23.05 – *Aleksander Korĵenkov* – 55 jaroj
29.05 – *Ljudmila Titova* – 65 jaroj
29.05 – *Arina Osipova* – 25 jaroj
04.06 – *Andris Natinj* – 80 jaroj
09.07 – *Oleg Demjaŝev* – 50 jaroj
13.07 – *Vladimir Viĉegĵanin* – 60 jaroj
28.07 – *Bronislav Ĉupin* – 80 jaroj
14.08 – *Ludmila Jevsejeva* (1913-1980) – 100 jaroj
15.08 – *Innokentij Seriŝev* (1883-1976) – 130 jaroj



***Lena Karpunina***

15.08 – ***Solomon Visokovskij*** (1933-2005) – 80 jaroj
18.08 – ***Leo Vulfoviĉ*** – 80 jaroj
12.09 – ***Aleksandr Veĵnin*** – 55 jaroj
15.09 – ***Natalia Ŝoroĥova*** – 60 jaroj
18.09 – ***Vladimir Ĉernov*** – 75 jaroj
20.09 – ***Gafurĵan Gazizov*** – 55 jaroj
26.09 – ***Galina Staneŝnikova*** – 70 jaroj
06.10 – ***Klara Zamenhof (Zilbernik)*** (1863-1924) – 150 jaroj
02.11 – ***Ivan Sergejev*** (1903-1964) – 110 jaroj
03.11 – ***Eŭgeno Perevertajlo*** (1938-2012) – 75 jaroj
03.11 – ***Jelena Zaznobina*** (1958-2003) – 55 jaroj
12.11 – ***Nikolaj Gudskov*** – 60 jaroj
13.11 – ***Igorj Simonov*** – 55 jaroj
25.11 – ***Diljara Gadirova*** – 60 jaroj
02.12 – ***Svetlana Ejst*** – 55 jaroj
03.12 – ***Nikolaj Ritjkov*** (1913-1973) – 100 jaroj
16.12 – ***Roman Brandt*** (1853-1920) – 160 jaroj
18.12 – ***Georgij Kokolija*** – 50 jaroj
23.12 – ***Aleksandr Logvin (Liljer)*** (1903-1980) – 110 jaroj



***Andrej Grigorjevskij***

---




## ***Bonvenon al EsPrimo!***

*(Vidu la informon en la paĝo 1)*